VIa jaro. — No 77 | Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) | 5 Majo 1910

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

*Direktoro : HECTOR HODLER*



## Dum la lasta duonmonato

**En sia unua kongreso, en Firenze, la ĵus fondita esp. Itala Federacio, decidis aliĝi al U. E. A. kiel Esperantia Asocio.**

**Ni ĵus eksciis la morton, en Bordeaux, de S-ro Paul Cazeaux, membro de la Financa kaj komeca Komisionoj de U. E. A.**

## Financaj Demandoj

Sufiĉe ofte okazis ke oni demandis nin, ĉu ne estus eble tuj pagi sufiĉe altan sumon, por esti membro de U. E. A. dum la tuta vivo. Ĉar la demando ŝajnis al ni interesa, ni ĝin ekstudis, kaj ĝuste en la sama tempo, ni ricevis de S-ro D-ro Stromboli, membro de la Financa Komisiono, proponon krei dumvivan kotizaĵon « por doni, li skribis, pli certan financan bazon al U. E. A., necesegan, precipe se ni deziras nin okupi energie pri la fako komerco ». Post diversaj interŝanĝoj de ideoj pri la demando, mi faris al la Komitato de U. E. A. jenajn proponojn : 1e la dumviva kotizaĵo estus 30 Sm. pageblaj en tri jaroj ; 2e la unua triono 10 Sm. estus tiuj elspezebla: la du aliaj trionoj, t. e. 20 Sm., estus spezataj al la rezerva kapitalo, tiamaniere ke, produkante interezon da 3 1/2 %, ili donus ĉiujare Sm. 0,70, t. e. proksimume la sumon de la jara kotizaĵo kaj de la prezo de unu jarlibro, kiu estus sendota al la dumvivaj membroj ĉiujare ; 3e ĉiujare triono de la jara kotizaĵo estus enskribata en la krediton de la Delegito de la regiono, kie loĝus la dumviva membro ; 4e en okazo de nepago de la tuta dumviva kotizaĵo, la jam spezita monsumo estus konsiderata kiel donaco ; 5e la dumviva kotizaĵo estus definitive havaĵo de U. E. A., kaj estus neniam redonota al la paginto, eĉ en okazo de eksiĝo, aŭ eksigo konforme al la Statuto de U. E. A.

*
* *

En la sama letero, S-ro D-ro Stromboli ankaŭ proponis krei du kategoriojn de membroj, membroj aliĝantaj kaj membroj aktivaj. Estas nedubinde vere, ke multaj personoj tute plene aprobas la idealon de U. E. A. kaj ankaŭ ĝian celon praktikan, kaj tamen povas nek ĝin aliĝi, tial ke ili ne scias Esperanton, nek doni al ni sian moralan kaj financan helpon.

Mi do ankaŭ faris al la Komitato jenan proponon : 1e Estos aprobantoj de U. E. A. ĉiuj personoj kiuj pagos jaran kotizaĵon da minimume 1 Sm. ; 2e Ĉiuj personoj ricevos kvitancon speciale eldonitan de la Financa Fako ; 3e la triono de iliaj kotizaĵoj (Sm. 0,34) estos konservata de la Delegito de ilia regiono, por la disvastigo de U. E. A. kaj plibonigo de la esperantiaj servoj en lia loko ; 4e la aprobantoj havos nek devojn, nek rajtojn politikajn aŭ aliajn, interne de U. E. A.

Tiu lasta punkto ŝajnas al mi speciale grava, ĉar la unua necesega kondiĉo por ke iu estu « civitano » de Esperantio, t. e. Esperantiano, estas ke li povu legi ĝiajn oficialajn eldonaĵojn en kiuj estas priskribitaj la devoj kaj rajtoj de la membroj de nia Asocio, la organizo de la servoj, kaj komentariitaj ĝiaj ideala celo kaj karaktero. Oni ankaŭ rimarku ke la fakto, ke la kotizaĵo de la aktivaj membroj estas pli malalta ol tiu de la aprobantoj, eble instigos kelkajn aprobantojn, ke ili lernu nian lingvon, kaj fariĝu Esperantianoj.

*
* *

Fine mi ankaŭ faris al la Komitato trian proponon inspiritan al mi de la sperto de la lasta jaro. Mi konstatis, ke estas neeble fari en la kongreso mem la kontroladon de la kalkuloj. Efektive ĉiuj dokumentoj, pli kaj pli multaj kaj diversaj, kiuj estas necesaj por tio, estas en la Centra Oficejo de U. E. A. Ilin kunporti al la kongreso memvideble estas ne praktika. Mi do proponas, laŭ aprobo de la Komitato, ke tiu kontrolado estu farata en la Centra Oficejo de U. E. A. La Financa Fakestro elektos por tio, post aprobo de la Komitato, du Delegitojn kaj du anstataŭantojn, verŝajne el la najbaraj urboj. La nomoj de tiuj Delegitoj estos publikigitaj en la oficiala organo de U. E. A., sufiĉe frue antaŭ la kontrolado. Se unu monaton post la publikigo, la kvinono minimume de la Delegitoj ne malaprobis, la elekto fariĝos definitiva.

*
* *

La lasta el tiuj tri proponoj urĝas, ĉar la afero devas esti solvita antaŭ nia Kongreso. La du unuaj ankaŭ estas urĝaj, ĉar nur ili povas alporti al nia kaso monrimedojn sufiĉajn, por ke ni povu labori sur seriozaj financaj bazoj. Oni ne forgesu ke, se U. E. A. havas la altan kaj belan taskon kunigi siajn membrojn per potencaj ligiloj de solidareco, ĝi ankaŭ havas la taskon, ja pli elspezigan, ilin kunigi per la materialoj ligiloj de internaciaj servoj, kiujn ĝi starigas por iliaj bezonoj. La sperto montris al ni ke nova servo povas esti serioze kreata kaj funkciadi nereproĉinde, nur se ni havas en la Centra Oficejo de U. E. A. oficiston, konvene salajritan, por zorgi pri la tuta laboro ĉiam tre granda (korespondo, enslipigo, k. a.), necesegita por tiu servo.

Ni do esperas, ke niaj Delegitoj ne hezitos akcepti la tri suprediritajn proponojn, kiuj estos al ili proponataj por voĉdonado, eble post kelkaj certe tre malgravaj modifoj, en la postvenonta bulteno. Ili tiamaniere montros sian volon, ke Esperantio fariĝu ĉiam pli kaj pli potenca kaj grava, inter la diversaj internaciaj asocioj, kiuj laboras sur paca kampo, por la bono de la homaro.

Th. Rousseau,
*Financa Fakestro de U. E. A.*

## SOCIA VIVO

### KOMERCO

**La komerco movado de Genova dum 1909**

Movado de pasaĝeroj. Alvenis 82.953 pasaĝeroj de 3a klaso kaj 28.502 de 2a kaj 1a klaso. Forveturis 129.384 pasaĝeroj de 3a klaso kaj 19.760 de 1a kaj 2a klaso.

La plej multaj de la enmigrantoj forveturas el la haveno de Napoli.

Alvenitaj ŝipoj 6234 ; komercaĵoj elŝipigitaj milkilogr. 6 141.287 ; inter ili karbo milkilogr. 3.310.144 ; cerealoj milkilogr. 679.356 ; kotonoj milkilogr. 165.245.

Forveturitaj ŝipoj 6.209 ; komercaĵoj enŝipigitaj milkilogramoj 937.299.

A. Stromboli (Del. Genova).

### AERVETURADO

**Semajno de la Champagne**

De la 3a ĝis la 10a de Julio, okazos en Reims grava konkurso de aviado. La kampo por flugadoj kuŝos en la nun fama ebenaĵo de Betheny. La aranĝoj, tribunoj, restoracioj, k. t. p. estos ankoraŭ pli konvenaj kaj pli luksaj ol tiuj de la lasta jaro. La flugvojo havos longecon da 5 kilometroj, sed laŭiros kvinangulan linion por plifaciligi la tre rapidajn flugirojn. Pli ol 100.000 $ estos disdonatoj kiel premioj ; kaj krom tio, oni konkuros por la francaj eliminaj provoj de la Gordon Bennett'a pokalo. Ĉar la Franca « Automobile club » forlasis sian projekton de aviada konkurso, do la « Semajno de Reims » (Ĉampanjo) estos la plej grava kaj plej interesa kunveno por aviado en Francujo kaj eble en Eŭropo, dum la jaro 1910. La sukcesoj de 1909 garantias la sukcesojn de 1910. Laŭ tio kion diras franca proverbo « nobela rango devigas noblan agon ». Same kiel dum la konkurso de 1909 oni trovos leĝejon kaj manĝon por malkaraj prezoj en Reims, malgraŭ la kontraŭdiraj sed falsaj informoj.

Marcel Laignier (Vic.-del Reims)

### IDEOJ & FAKTOJ

**En Usono : Kompanioj kaj dungatoj**

Ke la amerikaj industriaj mastroj sentas la bezonon por pli forta kunhelpado kun siaj dungitoj, oni povas vidi, rigardante kaj studadante la progresadon kaj disvolvadon de amerikaj aferemaj metodoj, rilate al la starigado de profitpartumado, asekuro, pensionoj, bonstatfarado, k. t. p., por la bono de la dungito. Ĉie en la industria mondo regas la sento ke pli kunigaj kaj pli bonaj interrilatoj devas establiĝi inter la dunganto kaj la dungito.

La plimulto de la grandaj fabrikkompanioj en Usono nun apartigas ĉiujare difinitan monsumon el la jargajnaĵo ; tiu monsumo iamaniere devas dividiĝi inter la dungitoj. Tiun ĉi dividadon oni efikas je diversaj metodoj.

Iuj kompanioj elpagas la monon kase, donante ĝin al tiuj el la dungitoj kiuj elmontris en la daŭro de la jaro, specialan kapablecon en siaj laboroj. Tia metodo por la farado de profitpartumado ne estas la plej bona kaj ne ofte troviĝas. Ĝi ne donas al ĉiuj dungitoj la samajn okazojn por partopreni en la partumado : iuj ĝuas pli bonajn okazojn elmontri specialan kapablecon ol aliaj. Ekzemple, la ordinara laboristo en ia laborejo, aŭ iu kiu laboras ĉe aŭtomata maŝino, tute ne povas elmontri eksterordinaran kapablecon, kaj tial tiuj ĉi ne povas partopreni. Kaŭze de tio ĉi kaspartumado ne estas populara.

Alia metodo, kaj kredeble la plej bona, por la dividado de la apartigita monsumo estas la vendado al la dungitoj de la akcioj de la kompanio. La dungito aĉetas la akciojn kaj pagas difinitan sumon ĉiumonate el sia salajro. Tuj kiam li abonas la akciojn li komencas ricevi la dividendojn kiuj apartenas al la akcioj. Tiuj ĉi dividendoj kreditiĝas en lian konton kaj uziĝas por malpliigi lian ŝuldon al la kompanio pro la aĉetitaj akcioj. Kiam li finas la pagadon, la akcio aŭ akcioj estas lia propraĵo ; li ĝin ricevas kaj la dividendojn la kompanio sendas al li poŝte ĉiutrimonate. Tiam li ne estas nura dungito sed efektiva membro de la kompanio kies interesoj kaj solidareco estas la lia ankaŭ. Se li volas, li povas vendi sian akciaron de la akciborso, sed tre malofte tio okazas pro tio ke la kompanio pagas al li ĉiun jaron dum kvin jaroj difinitan monsumon se li tenos sian akciaron, tio estas, se li ne vendos ĝin. La kosto de la akcioj kiujn la dungito aĉetas ĉiam estas malpli kara ol la borsprezo. Ekzemple se la akcio vendiĝas ĉe la borso po 220 Sm., la kompanio vendas ĝin al la dungitoj po 200 Sm. Ni diru ke la dungito aĉetas unu akcion po 200 Sm. La procento estas sep ; dividende li ricevos 14 Sm. ĉiujare ; la kompanio havigos al li liberdonacon da 10 Sm. ĉiujare ; entute li ricevos ĉiujare 24 Sm. kiu egalas 12 procentan monelmeton. Oni povas kalkuli ke lia jara rento estos 120 Sm. se li aĉetus kvin akciojn. Se iufoje la dungito deziras ĉesigi sian pagadon por la abonita akcio la kompanio redonos al li lian enpagitan monon kune kun la rentumo. Ĉiam li estas protektata je sia monelmeto kaj ĉiamaniere la afero estas por lia profito. Plue por inklinigi lin teni sian akciaron ĝis la fino de la kvina jaro, la kompanio donas al li specialan liberdonacon. Iuj dungitoj aĉetinte akciojn perdas la fidon pri la afero, aŭ iukaŭze timiĝas, aŭ eble forlasas la laborejon, kaj tial eltiras siajn enpagitajn monojn. La kompanio tenas la 10 Sm. kiujn ĝi estus liberdonacinta al ĉiu el tiuj kiuj ĉesigis la enpagadon, se ili estus restintaj fidelaj, kaj kolektas tiujn ĉi liberdonacojn en unu grandsumon. Ĉe la fino de la kvina jaro tiu ĉi sumo dividiĝas inter tiuj kiuj restis akcitenantoj. Ofte tiu ĉi dividaĵo estas tre granda pro tio ke tiel multe da dungitoj vendas sian akciaron, aŭ tial ke ili ĉesigas la enpagadon. Tiel ĉiun jaron okazas speciala dividado de la sumo kolektigita en la daŭro de la ĵus pasintaj kvin jaroj.

Kredeble la jena mallonga tabelo pli klarigos la planon.

Johano Do, Laboristo.

| | |
|---|---|
| Jara Salajro | 1.200 Sm. |
| Li abonas 1 akcion po | 200 » |
| Li pagas monate el sia salajro | 20 » |
| Li ricevas ĉiujare dividende | 14 » |
| Li ricevas ĉiujare liberdonace | 10 » |

Li ricevas ĉiukvinjare specialan liberdonacon da nesciata sumo, eble 10, 20, 50 Sm.

(Oni devas kalkuli ke la kvinjara liberdonaco okazas ĉiujare pro tio ke kvinjara tempspaco finas ĉiujare.)

Tiel ĉe la fino de malpli ol dek monatoj Johano Do posedas akcion kiu havigos al li 24 Sm. ĉiujare, kune kun nedefinita sumo, kiun akcion li povas vendi por eble 120 Sm., kaj kiu kostis al li malpli ol 100 Sm., kaj kiu akcio faras lin aktuala membro de la kompanio por kiu li laboras. Kalkulante de aĉetado da tri aŭ kvin akciojn oni vidos ke la dungito havas okazon fari tre profitdonan monelmeton.

La pli grandaj industriaj kompanioj nun starigas pensian sistemon per kiu la maljunaj dungitoj iĝas pensiuloj ĉe la aĝo 65 aŭ 70. La kiomon de la pensio havigota al la pensiulo oni determinas de la salajro ricevita dum la lastaj kvin jaroj. Kompreneble nur tiu dungito estas pensiebla kiu estas laborinta seninterrompe dum longa tempspaco, diru dudek aŭ dudek kvin jarojn. La Internacia Rikoltmaŝina Kompanio kies pensia sistemo estas la plej laŭdinda pagas al siaj pensiuloj minimume 36 Sm. ĉiumonate, maksimume 200 Sm. ĉiumonate.

Ankaŭ en la industria mondo troviĝas multaj penadoj por plibonigi la bonstaton de la dungitoj. Tiu ĉi laboro rilatas la provojn por malebligi malfeliĉajn okazojn ĉe la laborejoj, por establigi pli bonajn sanitarajn kondiĉojn, por gardi kontraŭ la malsaneco, por starigi edukigeblajojn, bonfarajojn, mallacigaĵojn, k. t. p.

Asekuraj asocioj starigitaj per la kompanioj pro la bono de la dungitoj, troviĝas ĉe multaj industriaj laborejoj. La asekuro gardas la laboristojn kontraŭ ĉiuj malfeliĉaj okazontaĵoj, la malsaneco, kaj la morto. Malgranda procento de la salajroj de tiuj kiuj iĝas membroj de la asocio estas donata al la asekuraj fondoj, kaj la kompanio mem kunhelpas tre malavare. Ke tia asekuro estas tre sukcesa kaj ke ĝi estas ŝatata de la dungitoj elmontriĝas per la jenajn ciferoj eltiritaj el la raporto de la asekura asocio de la Internacia Rikoltmaŝina Kompanio. 21,600 dungitoj partoprenas ; la kompanio donacas ĉiujare 100.000 Sm., kaj dum la unuaj dekkvar monatoj de la estado de la asocio pli ol 400.000 Sm. elspeziĝis pro la profito de la membroj aŭ siaj edzinoj kaj infanoj.

Oni volus kredi ke ĉiuj tiuj ĉi laŭdindaj penadoj por la plibonigado de la vivkondiĉoj de la dungitoj estas pure filantropaj kaj homamaj, sed bedaŭrinde tute mankas iu sento alia ol la aferema sento. Estas malnova diro ke en la industria aŭ komerca afero sin trovas neniu ajn sento, kaj do la industriaj modernaj kompanioj akceptas tiun diron kiel bona. « Senanimaj korporacioj » oni nomas ilin en Usono. Efektive la vorto « donaco » ne sin trovas en la vortaro de la industriaj kompanioj. Tio kio ofte ŝajnas donaco estas anstataŭe nure bona monelmeto. Ĉiam devas esti iaj realaj rezultatoj, iaj reenspezoj pro la elspezoj. Kaj kiam tiuj kompanioj starigas profitpartumadon, pensiojn, asekuron, k. t. p. oni certiĝu ke ili atendas kompensaĵojn. Havi pli kontentan, pli feliĉan aron da dungitoj, havi laboristojn kiuj laboros ne nur kiel aŭtomataj maŝinoj sed kiuj elmontros koran, lojalan intereson en la aferoj de la kompanio, havi dungitaron kiu laboros ne kiel sklavoj sed kiel liberaj viroj kiuj scias ke estos rekompenco por la fidelaj, jen estas la celoj de la industriaj kompanioj de la hodiaŭa tempo kiuj tiel malavare estas elspezantaj siajn milionojn por plifeliĉigi, plikontentiĝi, plibonstatigi la homon kiu devas labori por gajni la vivrimedojn.

H. Hall (Cleveland).

### KONGRESOJ & FESTOJ

**Kongreso de Terapio Fizika en Parizo**

En la granda amfiteatro de la Sorbono kun ĉeesto de la Prezidanto de la Respubliko, de la Ministro de la Instruado kaj de la reprezentantoj de la medicinaj fakultatoj francaj kaj alilandaj inaŭguriĝis la 29an de Marto la tria Internacia Kongreso de Fizika Terapio.

La prezidanto Fallières aldiris mallongan kaj elokventan paroladon esprimante al kongresistoj sian vivan deziron por la sukceso de ilia laboro. Poste li vizitis la ekspozicion de fizika terapio, hodiaŭ malfermata sub vasta provizora tegmentaĵo starigita antaŭ la Fakultato. Ankaŭ en la koridoroj de la lernejo troviĝas kelkaj sekcioj de la elmontro kiu aperas sukcesplena. Tie oni metis ĉiujn mineralajn akvojn de la du hemisferoj, ĉiujn elektrajn aparatojn ĝis nun elpensitaj k. t. p.

G. S.

**Ĉe la Internacia Instituto de Agrikulturo**

La konstanta komitato de la Internacia Instituto de Agrikulturo en la kunsido de la 15a de Marto elektis kiel prezidanton la italan delegiton markizo Cappelli.

Ĉi tiu prenante la prezidantecon eldiris paroladon en kiu antaŭ ĉio li aŭguris la akordon inter la diversnaciaj delegitoj, akordo necesa al progreso de la Instituto. Li ekzamenis poste la kritikojn faritajn al ĝia funkciado, al statistikoj kompilataj tro malfrue aŭ tro nekomplete, kaj certigis ke oni zorgas por ke la bultenoj kaj la statistikoj de la produktado de la kulturado kaj de la prezoj de la manlaboroj gajnu ĉiam pli da precizeco kaj da rapideco akirante per tio gravan valoron.

Tiamaniere ili trudos sin al komerco kaj al scienco. Same estos por la publikiĝaĵoj de la Instituto rilataj al la informoj teknikaj kaj ekonomiaj, al komerco de la grenoj, al malsanoj de la plantoj, al studoj pri kunhelpado, asekurado kaj terkultura kredito.

Nun estas necese ke la Instituto rapide kompletigu sian oficistaron dungante elementojn vere taŭgajn laŭ la vidpunktoj de la kulturo, inteligenteco, agemeco kaj disciplino.

C. S.

**Sep tagoj de libertempo al ĉiuj argentinanoj**

Ĉar en la proksimo Majo okazos la centjara datreveno de la argentina sendependeco, ŝtata dekreto subskribita de la Prezidanto de tiu respubliko ordonas ke la lastaj sep tagoj de Majo — komencantaj de la 25a, dato de la proklamo de sendependeco — estu festaj, ankaŭ por la biletoj komercaj kaj ekonomiaj.

Tia dekreto respondas al viva deziro esprimata de la popolo kiu deziras partopreni la solenajn patriotajn manifestaciojn.

### EKSPOZICIOJ

**Liberaj terspacoj publikaj ĝardenoj**

Ĵus fondiĝis en Parizo, franca teknika asocio por liberaj terspacoj kaj publikaj ĝardenoj, kies celo estas :

1o Kunigi la personojn, kiuj sin okupas pri konstruado, zorgo kaj konservado de promenadejoj kaj publikaj ĝardenoj.

2o Krei kaj daŭrigi inter siaj membroj rilatojn konstantajn, amikajn kaj utilajn, interŝanĝadon de sciigoj kaj praktikaj ideoj pri ĉiuj profesiaj demandoj.

3o Eniri en kreotan internacian federacion de similaj societoj jam ekzistantaj en kelkaj fremdaj landoj.

Komitatano de la dirita asocio estas speciale komisiita por la korespondado kun alilandaj societoj aŭ izolitaj samprofesianoj, per Esperanto. Li akurate respondos al ĉiuj informpetoj kaj danke ricevos ĉiujn komunikaĵojn. Sin turni al S-ro Tiard, 29, rue du Renard, Paris IVe.

**Internacia Ekspozicio de Aŭtomobiloj en Torino**

De la 2a ĝis la 24a de Aprilo okazis en Torino laŭ iniciato de la Torina Automobila Klubo la sepa ekspozicio internacia de aŭtomobiloj, sub la alta protektado de la Reĝo de Italujo.

Aparte interesaj estas en ĝi la aplikoj de motoroj al industrio kaj terkulturo, kaj la sekcioj dediĉataj al aerveturado kal al ciklismo.

Diversaj kongresoj, konkursoj kaj festoj havas lokon dum la ekspozicia tempo. La fervojoj konsentis rabatojn.

**Unua Istria Ekspozicio**

En la ĉarma ĉirkaŭaĵo urbeto Capodistrio, en la de Triesto oni malfermos de la maja ĝis septembra monato la « Unuan Histrian Ekspozicion » kiu enhavos terkulturan — industrian — maran elmeton ; didaktikan kaj antaŭzorgan elmeton ; belartajn-sciencan kaj beletristikan elmeton ; k.t.p. k.t.p. bedaŭrinde ĉi tiun unuan fojon nia kara lingvo oficiale ne partoprenos en tiu ekspozicio, tamen la subskribinto faris kelkajn klopodojn ĉe la komitatano, por plifaciligi la viziton, de tiu ekspozicio, al la eksterlanda Esperantistaro. Tial mi petas ĉiujn, kiuj intencas alvojaĝi kaj viziti la histrian ekspozicion sin turni al la Del. de Trieste.

V. Pohusta (Del. Trieste).

**Ukrajnaj Ekspozicioj. — Inter la Kuriozaĵoj : Esperanto-Samovaro**

En Ukrajnujo estos dum la somero aranĝataj du grandaj ekspozicioj : unua en Odessa, tutukrajna, dua en Katerinoslavo, samdistrikta. Ekspozicio en Odessa, la plej granda urbo en Ukrajnujo, daŭros de la 1 Junio ĝis la 15 Novembro ; sed fako vilaĝmastrumada estos malfermata nur la 4 de septembro ; krom tiu ĉi fako estos ankoraŭ du fakoj — fabrika kaj artindustria. Ĉiu fako estos dividata je kelkaj sekcioj.

Krom ĉi tio estos aranĝataj specialaj ĉambroj, en kiuj estos montrataj novelpensitaj iloj, instrumentoj, maŝinoj, k. t. p.

Sed la plej rimarkinda vidindaĵo estos la grandegulo-samovaro (temaŝino), elpensita kaj konstruota de nia kara kunlaboranto S-ro E. Fon-Fjuler ; alte ĝi estos 22 metroj ; kaj tiu-ĉi samovaro estos tute esperanto ; ĉiuj surskribaĵoj de ĝi estos skribitaj nur en Esperanto, kaj interne de ĝi estos vendataj ĉiuj esperantaĵoj. Supre de ĝi estos konstruita plateto, sur kiu per pingloj estos vidataj ĉiuj lokoj de terglobo, en kiuj ekzistas esperantistaj societoj, grupoj, delegitoj de U. E. A., k. t. p. ; sur la muroj de plateto estos pendataj ĉiuj esperantaj gazetoj, libroj, broŝuroj, katalogoj, poŝtkartoj kaj aliaj esperantaĵoj ; antaŭ globuso staros malgranda tablo kun bela libro, en kiun ĉiuj trapasontaj esperantistoj estas petataj enskribi sian nomon kaj adreson ; post la globuso sur la muro estos pendata granda portreto de nia kara Majstro D-ro L. Zamenhof, ornamota per belaj esperantistaj flagoj kaj rubandoj. Tiamaniere tiu grandegulo-samovaro estos tute esperanta. Krom tio en ĝenerala paviliono tiel same estos ekspoziciotaj sur la spaco de 15 kvadrataj metroj ĉiuj esperantaĵoj. Sekve nia kara ideo estos tre bone propagandata en Odesso. Kaj de post unua rusregna kongreso esperantista en Peterburgo kaj granda ekspozicio en Odesso esperanta movado tre multe gajnos en Ukrajnujo, la dua laŭ kvanto de loĝantoj el ĉiuj slavaj landoj.

La dua ekspozicio de Ukrajnujo estas aranĝota en urbo Katerinoslavo apud rivero Dnipro : ĝi estas priskribota post mallonga tempo.

V. Fomenko (Del. Odessa).

## Homara Dataro

1 *Majo.* — Tutmonda festo de la laboristoj. — 1855. Malfermo de la universala ekspozicio en Parizo. — 1874. Mortas en Firenzo Nikolo Tomaseo el Sebeniko (Dalmacjo), literaturisto kaj klerulo.

2. 1616. Mortas angla poeto Shakespeare. — 1668. Unua paco de Aaken (Akvisgrano) per kiu finiĝas la milito dirita de Devolucio. — 1844. Morta sveda poeto Josefo Dahlgren.

3. 1469. Naskiĝo de Nikolo Macchiavelli. — 1873. — Mortas la fama geografia esploristo Livingstone. — (3-4) 1811. Venko de Wellington sur *Massena* ĉe Almeida (Portugalujo).

4. 1848. Franca kunsido de la representantoj proklamas la respublikon.

5. 570. Naskiĝas Mahometo. — 1860. Garibaldi kun 1000 volontuloj levas la ankrojn de la rifo Quarto por la ekspedo de Sicilio. — 1902. Fajra pluvo de la vulkano Pelée detruas la urbon Saint-Pierre en la Martiniko ; 30.000 mortintoj.

6. 48. Antaŭ Kristo (9/8 laŭ kalendaro ne riformita), batalo ĉe Farsalo. — 1866. Mortas Johano Borjesson sveda tagedia poeto (nask. 1790). — 1527. Rabado en Romo.

8. 1265. Naskiĝas en Firenzo Dante Allighieri. — 1360. Paco de Bretigny inter Angloj kaj Francoj. — 1794. Estas ekzekutita la franca ĥemiisto Lavoisier. — 1781. Naskiĝas en Taranto Paesillo. — 1825. Mortas Sentove Santarosa batalanta pro la sendependeco de Grekujo.

9. 1502. Kolombo forveturas el Cadiz por sia kvara vojaĝo al Ameriko. — 1805. Mortas en Weimar la mondfama poeto Schiller.

10. 1347. Cola di Rienzo estas elektita Roma tribuno. — 1848. Heroa defendo de Viĉenco kontraŭ la aŭstrianoj. — 1888. Plena abolicio de la sklaveco en Brazilio.

11. 1860. Jozefo Garibaldi elŝipigas kun la mil kunbatalantoj en Marsala.

12. 1881. La Tunizia *Bey'o* akceptas la protektoraton de Francujo.

13. 1832. Mortas barono Georgo Cuvier (nask. 23/8 1769 en Mœmpelgard), naturisto, fondinto de la Kompara anatomia kaj de la natura klasigo.

14. 1610. Mortigo de Enriko IV franca reĝo. — 1826. Mortas klera tragediisto Talma.

15. 1804. Naskiĝas Danielo Manin, prodiktatoro de la Venecia respubliko de 1848-49. — 1860. Garibaldi venkas la Borbonojn ĉe Katalafimi en Sicilio. — 1889. Inaŭguro de la Eiffel'a turo en Parizo. — 1828. Mortas sir William Congreve el Wolwich, inĝeniero kaj generalo de artilerio kiu elpensis la ruligajn raketojn kaj la manieron presigi samtempe per pluraj koloroj.

A. Tellini.

# La Faktoj

28 *Marto.* — Romo. Germana kanceliero Bethmann Holveg forveturas.

29. Monako. — Oni solene inaŭguras oceanografian muzeon.

30. Parizo. — Mortas greka-franca poeto Jean Moreas.

31. Romo. — Luzzatti starigas novan italan ministraron.

Catania. — La vulkana agemo de la Etna revekiĝas.

Mülheim (Germanujo). — Terura fervoja malfeliĉego.

1 *Aprilo.* San Sebastiano. — Morto de franca aviadisto Le Blond pro falo sur rifaron.

Düsseldorf. — Mortas glora pentristo Andreo Hachenbach.

2. Napolo. — Alveturo de prezidinto de Usono Teodoro Roosevelt reveninte de Afriko.

Ĉilio. — La unua vagonaro trapasas Andojn tra tunelo de Argentino al Ĉilio.

3. Konstantinoplo. — Alveturo de reĝo Petro el Serbujo.

4. Parizo. — Konkursoj de la aŭtomobilaj boataj.

Kvito (Quito). — La perua registaro petas de la Respubliko de Ekvadoro tujan kontentigon pro la gravaj okazintaĵoj de Quito.

6. Pristina. — Batalo de la turka soldataro kun la albanianoj ribelantoj.

8. Torino. — Inaŭguro de la VII ekspozicio de aŭtomobiloj.

8. Cherburg. — La submara ŝipo *Ventose* malsupreniras ĝis la profundeco da 35 metroj.

Ateno. — Inaŭguro de itala lernejo de arĥeologio.

0. Jerusalemo. — Inaŭguro de grandioza germana malsanulejo sub la Monto de la Olivarboj.

10. Reenock. — Enmarigo de la nova angla *Dreadnought « Colossus »*.

11. Monako. — Konkurso de la aŭtomobilaj boatoj.

14. Swenemuende. — Ektuŝejo inter du germanaj torpedŝipoj dum manovroj. Unu el ili subakviĝas.

15. Chalons. — Terura ciklono (ventego) sur la aviadejo, detruas kelkajn aeroplanejojn kaj multajn aeroplanojn.

Vieno. — Aŭstria imperiestro ricevas Teodoron Roosevelt.

Addis Abeba. — Degiak Abaté eniras triumfe kaj esprimas fidelecon al Ligg Jasu.

16. Romo. — Ĉe la Arlista Rondo (klubo) oni inaŭguras ekspozicion de virinaj portretoj de la XIX jarcento.

A. T.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

## *OFICIALA INFORMILO*

### ADMINISTRA FAKO

*Kongresa Regularo.*

En tiu ĉi Nº aperas la Regularo de la Kongresoj de U. E. A., kiun akceptis la Komitato de U. E. A. Tiu Regularo ankaŭ estos enpresata en Oficiala Bulteno, Nº 6a. Niaj Del. kaj membroj bonvolu ĝin atente legi kaj laŭ ĝi sendi ĉiujn proponojn por la kongreso nepre antaŭ la *1ª de Junio 1910* (lasta tempolimo).

*Komitato de U. E. A.*

Per sia lasta rondiranta kajero, la Komitato de U. E. A.:

*a.* Aprobis la dungadon de nova oficisto ĉe la Centra Oficejo de U. E. A.

*b.* Aprobis la aliĝon de U. E. A. al la Internacia societo por la disvolvo de la Komerca Instruado.

*c.* Elektis S-rojn H. Hodler kaj A. Richardson kiel reprezentantojn de U. E. A. ĉe la Mondkongreso de la Internaciaj Asocioj.

*d.* Principe konsentis pri la partopreno de U. E. A. ĉe la Berlino Ekspozicio de l'Turismo en 1911, sub rezervo de financa plano.

*Diversaj Avizoj.*

∴ La *Oficiala Bulteno*, Nº 6a, estas sendata al la del., komence de Majo. Al ĝi estas aneksata preta artikolo pri la Kongreso por la naciaj gazetoj kaj provizo de cirkulero-aliĝiloj por la Kongreso, disdonataj al ĉiuj Esperantianoj.

∴ La 2a serio de la *Oficiala Jarlibro* aperis.

∴ La Esp-ia Librejo baldaŭ eldonos po malkara prezo metalajn plakojn por Delegitoj kaj Esp-Oficejoj.

∴ Nova eldono de la *franclingvaj* kaj *ruslingvaj* propagandaj broŝuroj pri U. E. A. jus aperis. La *angla* lingva eldono estas en presado kaj estos preta post kelkaj tagoj.

De la Komitato estas nun esplorataj la jenaj demandoj: buĝeto por la fino de 1910, dumvivaj membroj, aprobantoj. Kongreso de U. E. A.

*Plendoj.*

Ni tre petas, ke ĉiuj Esp-ianoj, kiuj ne ricevus respondon de niaj Del., bonvolu nepre tuj plendi al la Centra Oficejo de U. E. A. Nur tiamaniere ni povas kontroli la funkciadon de niaj servoj.

Ni rimarkas, ke plendoj pri ne respondo estas plej ofte kaŭzataj de la fakto, ke niaj membroj, uzante malnovan eldonon de la Jarlibro, ne skribas al la ĝusta adreso de la Del. Tio ĉi estas facile forigebla. Ĉiu Esp-iano devas ĉiujare almenaŭ aĉeti novan eldonon de la Jarlibro kaj ĉiu duonmonate li facile povas ĝin korekti kaj kompletigi per la adresŝanĝoj kaj nomaro de novaj Del., kiuj aperas en tiu ĉi Oficiala Informilo.

### TURISMA FAKO

*Gvidfolioj.*

En la lasta tempo estis eldonitaj la jenaj gvidfolioj: *Pleven, Cordoba, Marseille, Le Creusot, Moskvo, Prostejov, Portsmouth.*

Riceveblaj ĉe la Esperantia Librejo. Ni esperas, ke okaze de nia kongreso ĉiuj urboj, kvuj estas sur la vojo al Augsburgo, rapidos eldoni sian gvidfolion.

*Vojaĝo al Washington.*

En nia Nº aperos ĉiuj necesaj informoj por la vojaĝo de la partoprenantoj en la sesa kongreso. Speciala cirkulero pri tio estos ankaŭ eldonata.

*Vojaĝo tra Centra Francujo.*

« Esperanto » bonvolis kunigi per kelkaj artikoloj la landon de la kasteloj (centra Francujo). Ĝiaj kasteloj estas vidindaj ne nur pro la memoroj de la nacia historio, sed ankoraŭ pro la memoroj de la Arto. Interesinde ŝajnis al la esperantista grupo de Blois (Esp-ia Entrepreno) vizitigi tiun landon, kaj, sub la aŭspicoj de U. E. A. kaj kun la helpo de la grupoj de Paris, Orléans, Tours kaj Versailles, ĝi povas organizi vojaĝon tra la lando apud Loire. Jen la provizora programo: *16an de Aŭgusto matene.* Kunveno de la aliĝintoj: poste vizito de Paris.

17an Daŭrigo de la vizito de Paris.

18an Matene, foriro al Orléans, vizito de la urbo, ekskurso al la bordoj de Loiret.

19an Matene foriro al Blois, vizito de la urbo, ekskurso al la kastelo de Chambord.

20an Vizito de la kastelo de Blois. Ekskurso al la kastelo de Chaumont.

21an Matene, foriro al Amboise, vizito de la kastelo de Amboise, foriro al Tours, vizito de la urbo.

22an Ekskurso al la kastelo de Chenonceaux — foriro al Parizo.

23an Ekskurso al Versailles vizito de la kastelo de Versailles kaj de Trianon. Disiĝo.

La prezo estas proksimume $ 72 tri manĝoj ĉiutage, vojaĝoj, veturiloj, trinkmonoj, interpreto,. hoteloj.

La definitiva programo estas sendita al la aliĝintaj dum Julio. La vojaĝo okazas nur se la jena programo kunigos tridek aliĝantajn pagantajn.

Oni sendu sian aliĝon antaŭ la 15a de Junio al la Prezidanto de la Esp. grupo, 24, rue Chambourdin, *Blois* (Francujo) aŭ ĉe la Centra Oficejo de U. E. A.

### JUNULA FAKO

Ni en tiu ĉi Nº donas gravan liston de junuloj kaj familioj uzantaj la servojn de U. E. A. kaj rekomendas ĝin al ĉiuj niaj Del. kaj speciale *Konsuloj por Junuloj*, kiuj bonvolu ĝin konigi en la kunvenoj de la grupoj de sia loko kaj afiŝi ĝi ĉe la Esp. Oficejo. Ni rememorigas, ke ĉiuj tiaj informoj estas senpage publikigataj en « Esperanto » kondiĉe ke ili estu alsendataj per la regiona Del. aŭ la Konsulo por Junuloj. Ni esperas, ke komence de la libertempa sezono multaj Del. konigos tiun servon kaj sendos al ni liston pri sia regiono. Por faciligi nian laboron, oni kiel eble plej sekvu la modelon donitan en tiu ĉi Nº.

# Servoj de Junula Fako

*a). Junuloj kiuj deziras forveturi eksterlanden por libertempo 1910*

| Nº | NOMO | AĜO | PROFESIO | ADRESO | DEZ. VETURI AL: | POR TEMPO | POR OKUPO | KONDIĈOJ | RIMARKO |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | S. Plùtynski. | | gimnaziano, VIIa kl. | Krakow, Galicio. | Granda urbo aŭ marbordo en Francujo aŭ Anglujo. | Julio-Aŭg. | ia ajn. | Vojaĝelspezoj kaj konvena salajro aŭ Vojaĝelspezoj kaj tuta nutrado | laboris ĉe betonoj |
| | F. Fraczek. | | » | » | | | | | » » ter kulturaĉo |
| | S. Spyrtak. | | » | » | | | | | » » pontokonstruo |
| | J. Morawski. | | » | » | | | | | |
| | L. Stolarski. | | » | » | | | | | |
| | F. Zambowski. | | » | » | | | | | » » betonoj |
| | A. Podkowinski. | | » | » | | | | | » » kalkfabriko |
| | K. Skowalski. | | seminariano, IIIa kl. | Kety, Galicio. | Francujo aŭ Italujo. | 1/7 - 25/8 | skriba aŭ alia facila. | vojaĝelspezoj kaj nutrado | |
| | K. Dziurman. | | » | » | Parizo aŭ granda urbo en Franc-, Ital-, Svis- por franca lingvo. | 1/7 - 30/8 | skriba aŭ ia ajn. | » | |
| | K. Heitzman. | | » | » | | » | » | » | |
| | A. Fiefenbrunner. | | gimnaziano. | Wielicka, » | | » | ia ajn | » | |
| | K. Rosenberg. | | » IVa kl. | Wadowice » | Holando aŭ alia. | Julio. | » | » | |
| | F. Wasyliszyn. | | instruistino. | Wojakowa » | Rusujo. | 1/7 - 30/8 | instr. de pola lingvo, akompano de infanoj aŭ maljunuloj. | » | |
| | E. Varga. | | desegnisto. | Budapest. | Francujo aŭ Anglujo. | — | Desegnaj laboroj. | loĝado kaj nutrado | laboris kiel pentristo |

*b). Familioj kiuj deziras interŝanĝi infanojn dum libertempo 1910*

| Nº | NOMO | PROFESIO | ADRESO | DEZIRAS | AĜO | SENDAS | AĜO | LANDO | TEMPO | KONDIĈOJ |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | D. Goldschlag. | posed. de petrola rafinerio | Nieglowice, Galicio. | knabon | 12-18 | gimnazianon, VIIa klaso | 17 | Svisujo aŭ alilokon | julio | bona eduko, senpage, oferas ĉambron, ĝardenon, tenison; por disdono; rivero, arbaro, ekskurso. |
| | Biatek. | komercisto. | 2 Ywiec, Galicio. | knabon aŭ knabinon | 10-19 | » VIIIa kl. | 17 | marbordo en German-aŭ Italujo | de julio | senpage, okupas 4 ĉambrojn, ĝardeno, montara ĉirkaŭaĵo. |

*c). Familioj kiuj deziras akcepti infanoj dum libertempo 1910*

| Nº | NOMO | PROFESIO | ADRESO | DEZIRAS: | AĜO | LANDO | TEMPO | KONDIĈOJ |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | Sino H. Grybowska. | edzino de fervoja inĝeniero | Mozava dolma, Galicio, | knabinon | 9-12 | pariza aŭ okcidentsvisa | kelkaj someraj monatoj | bona edukado, saneco, konversacio kun 6-8 aĝaj infanoj, vojaĝelspezoj laŭ interkonsento. |
| | Sino A. Kovačič. | oficirvidvino | Krakow, Galicio. | 2-3 knabinojn | | de ie ajn | 15/5 | ĝis 14 jaroj, 20 Sm; pli 14. 24 Sm. |

Por ĉiuj pluaj informoj kaj intertraktadoj sin trudi al la Delegito de U. E. A. de la rilata urbo, kiu interrilatigos kun la koncernataj junuloj aŭ familioj.

*(Daŭrigota).*

*d). Junuloj kiuj deziras korespondi*

... L. Folkunov; ... B. Kojin; ... Elvenio Udovin; ... Molĉomov; ... Vlad. Kazimin; ... H. Ĥaritonov; . . Podtjinnikov; ... Makeev. Ĉiuj en 1a vira gimnazio de *Voroneĵ* gub. (Rusujo).

*(Daŭrigota)*

# Regularo de la Kongresoj

§ 1. — La Kongreso de U. E. A. havas kiel celon:

*a)* La ekzamenadon de la morala kaj financa situacio de U. E. A. kaj de ĝia agado dum la jaro;

*b)* La esploradon de la diversaj proponoj de la Komitato aŭ de la membroj;

*c)* Laŭ tiuj proponoj la fiksadon de la ĝenerala agado de la asocio dum la venonta jaro.

§ 2. — La Kongreso havas la jenajn rajtojn:

*a)* Ĝi aŭdas la raportojn de la Komitatanoj pri ilia agado kaj esprimas sian aprobon aŭ malaprobon pri ili;

*b)* Ĉi proponas la diversajn kotizaĵojn por la venonta jaro. Tiuj proponoj estas poste submetataj al la laŭstatuta voĉdonado de ĉiuj Delegitoj.

*c)* Ĝi ekzamenas la proponojn prezentitajn de la komitato aŭ de la membroj en la maniero subedirita kaj voĉdonas pri ĉiu el ili motivitan deziresprimon, ĉu por malakcepti la proponon, ĉu por ĝin resendi al la Komitato, ke ĝi efektivigu ĝin dum la venonta jaro.

§ 3. — Estas kongresano ĉiu Esperantiano, kiu pagis la kongreskotizaĵon, difinitan de la Komitato. Tiu kotizaĵo ne povas superi 3 Sm. Ĉiu kongresano havas la rajton partopreni en la kunvenoj, voĉdoni kaj senpage ricevi la kongresdokumentojn.

§ 4. — Havas la rajton prezenti proponon al la kongreso ĉiu Esperantiano, membro aŭ Delegito, ĉiu Esperantia Entrepreno aŭ Asocio (per Esperantiano rajtigita de ĝi), ĉiu komitatano aŭ la Komitato mem, sub la jenaj kondiĉoj.

Ĉiu propono devos konsisti el raporto de 2.000 vortoj maksimume. Tiu raporto klarigos la staton de la demando, formulos la proponon kun la necesaj praktikaj detaloj kaj finiĝos per deziresprimo pri kiu voĉdonos la Kongreso.

§ 5. — Ĉiu propono, subskribita de la proponinto, estos komunikata al la Centra Oficejo de U. E. A. almenaŭ 60 tagojn antaŭ la malfermo de la Kongreso. Preter tiu tempolimo nenia propono povos esti submetata al la Kongreso.

§ 6. — Ĉiu propono, kiu aŭ ne konformiĝus al la supre diritaj kondiĉoj aŭ estus redaktata en alia lingvo al la oficiala lingvo de U. E. A. aŭ estus kontraŭa al la celo de U. E. A. kiel ĝin fiksas § 1 de la Statuto, estos resendata de la Centra Oficejo de U. E. A. al ĝia aŭtoro.

§ 7. — Ĉiuj proponoj ricevitaj estos anoncataj kaj resumataj en la oficiala ĵurnalo de U. E. A. almenaŭ 40 tagojn antaŭ la malfermo de la Kongreso. Ili estos ankaŭ citataj sur la labora programo de la Kongreso.

§ 8. — Ĉiu ricevita propono estos submetata al la antaŭa esplorado de la Komisiono, kiun ĝi koncernas. Post tiu esplorado la kompetenta Komitatano verkos raporton, en kiu li resumos la proponon faritan kaj la rezultatojn de la esplorado de l'komisiono kaj formulos deziresprimon, kiu konkludos aŭ per akcepto de la propono aŭ per ĝia modifo aŭ per ĝia malakcepto. La aŭtoro de propono, ĉiam havos la rajton legi aŭ legigi sian propran raporton, se li tion deziras.

§ 9. — Al la proponoj de la Komitatanoj estos aplikataj la samaj reguloj. Ĉiu Komitatano devas formale deklari en la raporto, ĉu propono estas farata en sia propra nomo aŭ en la nomo de la Komitato. Tiu lasta kondiĉo estas plenumata nur se la Komitato antaŭe aprobis la proponon kaj la rilatan deziresprimon.

§ 10. — Post ĉiu raporto la diskutado estos malfermata. Ĝi unue celas la principon de la propono kaj poste la formon de la deziresprimo rilata al tiu propono. Ĉiu povos prezenti modifon dum la diskutado. Tiu modifo estos skribe komunikata al la prezidanto. La Kongreso voĉdonos pri ĝi antaŭ la ĉefa propono.

§ 11. — La kunvenoj estas prezidataj de la prezidanto de U. E. A. La administra fako zorgas pri havigo de la necesaj sekretarioj, kun la aprobo de la Kongreso.

§ 12. — La definitiva tagordo de la kunvenoj devas esti presata almenaŭ 10 tagojn antaŭ la Kongreso. La Kongreso rajtos ŝanĝi laŭbezone la vicon de la traktotaĵoj aŭ ilin resendi al venonta kongreso, en okazo de tempomanko.

§ 13. — Ĉe la diskutoj la oratoroj parolas laŭ la vico de sia enskribiĝo ĉe la prezidanto; en okazo de kontestaĵo pri la diskutmaniero la prezidanto konsultas la Kongreson, kiu decidas.

§ 14. — Pri la sama temo neniu povas paroli pli ol 10 minutojn kaj unu fojon, sen la permeso de la kongreso. Tiu limigo koncernas nek la komitatanojn, nek la aŭtorojn de la proponoj aŭ ilian reprezentanton.

§ 15. — La voĉdonadoj estas faratoj per levado de la manoj. La voĉoj estas laŭbezone kalkulataj de la prezidanto.

§ 16. — Post ĉiu kunveno estas farata protokolo kiu estas legata en la venonta kunveno kaj submetata al la aprobo de la Kongreso.

§ 17. — Post la Kongreso ĉiuj oficialaj aktoj, raportoj, protokoloj kaj aliaj informoj estas publikigataj kaj sendataj al ĉiuj kongresanoj. La protokoloj ankaŭ aperos en la oficiala ĵurnalo.

§ 18. — La kunvenoj de la Kongreso estas publikaj, escepte se la Kongreso formale decidas la malon.

§ 19. — La loko de la Kongreso estas fiksata de la Komitato laŭ la propono de la lasta kongreso. Se la disvastiĝo de la Asocio tion postulas, Kongreso de U. E. A. povos esti eventuale aranĝata en ĉiu kontinento. Tiuokaze la rajtoj de la Kongresoj estas egalaj kaj la supraj reguloj estas aplikeblaj al ĉiuj.

§ 20. — La labora aranĝo de la kongreso estas prizorgata de la Administra fako, sub la kontrolo de la Komitato. La lokaj aran-

FELIETONO DE « ESPERANTO »

7

# LA KATO

de Dro Johano RAJBERTI

Okazas same kiam alvenas fulmotondro; ĉar el la malproksima kaj kaŝata grumblo de la tondro oni elvenas ĝis al la bruo de la hajlo kaj el la eksplodo de la fulmoj. Neniu estas plu kapabla dormi, la maljunaj malbenas tusante, la virinetoj kvietigas la mortintojn per *requiem* aŭ pensas eltiri la numerojn de la loterio; la knaboj kaŝas la kapon sub la litkovertojn kaj tremas pro timo de la koboldo. Kio do estas? Ne timu, miaj karaj ĉar estas nenio grava.

Estas la reĝo de la tegmentoj kiu iomete amindumas: kaj tie ĉi estas oportune ripeti kun la plej glorata aŭtoro vivanta de la XVII jarcento: *le roi s'amuse* (la reĝo sin amuzas). Sed kiamaniere, iu diros, tiom da bruo por tiaj malgrandaĵoj? La Kato, kutime trankvila, diskreta, singardema, silentema, kiu evitas ĉiujn okazantojn por sin montri senkaŝe, ĉu ĝi fariĝos por tiaj aferoj indaj je indulgo, dezirplena je reklamo kiel senbarba poeteto kiu alvokas la forgeson de la tombo? La afero estas efektive tia; kaj se iu dezirus koni la kialon, la naturistoj, kiuj bedaŭrinde inkliniĝas al materialismo (ĉu mi diras bone?) estas kapablaj ĝin trovi en la specialaj leĝoj de organa strukturo, en la regionoj de la anatomio. Sed mi, kiu ĉiam rezonas per la spirito, volas trovi klarigon tute moralan de tiu ĉi fenomeno, kaj proponas al via prudento iun sagacan hipotezon. Ĉu la Kato, ĉiam originala besto, kiu en ĉiuj pasioj meritas esti prenita kiel modelo de la homoj, ne povus, siavice, en sola pasio fariĝi imitanto de la homo? Ĉu vi volus nepre nei al ĝi ĉiun kapablon malboniĝi per niaj moroj? Kial tiu ĝia talento sagaca, fleksebla, delikate epikura, ne devos ĝin inciti pro superemo, ĉe la vido de niaj amoj fortikigitaj de la elementoj de la inteligenteco kaj de la koro? Sed, ĝuste, ĉar ĝi ne estas difinita por la imitado, ĝi malbone imitas, sekvante la malvirtajn ekstremojn, kaj prenante kiel modelojn la virojn tre nematurajn, kaj la virinojn tre maturajn: el kio devenas la bruoj kaj la skandaloj de ĝiaj amoj. Nematura homo, nome la junulo, uzas en siaj amaj unuaj fruktoj tiom da antaŭenpuŝo, tiom da sencerbeco, tiom da vanteco, ke li terurigas la plej kuraĝegan de la publikaj malbonaj diroj. Se sinjorino, por ĝentileco, proponas al li la manon por kisi, aŭ diras al li afablan vorton, por ne lasi lin muta kaj ne observita en salono, li ekvidas korbruladon, revas oferojn kaj triumfojn kaj ĉirkaŭtrumpetas grandajn aferojn al kiu ajn ilin kredas aŭ ilin ne kredas. La matura virino, siavice, kiu superinte la danĝeran aĝon, timas ne esti plu ŝatata tiel adorinda kiel antaŭ dudek jaroj, sentas la devon doni al si kaj al la mondo solenan mensogigon de tia malama eraro. Pro tio se ŝi sukcesas kapti per la ama gluvergeto iun naivan fraŭlon, ŝi penas por lin bone kompromiti, prezentas lin al la amikoj kaj precipe al la amikinoj, sin akompanigas de li al la teatro, al la salonoj, al la plej multevizitataj promenadejoj, en kaleŝo, kune kun la hundeto, elokventa simbolo de la plej senmakula fido. Kenklude la plej viva kaj granda intereso de tiu ŝia amo, estas ke ĉiuj sciu, vidu kaj tuŝu per mano ke ŝi havas amon, kaj mi diras amon freŝan, blindan, sekve plenan je forlaso kaj je adorindaj nesingardemojn. Per tiaspecaj ekzemploj estas plenegaj la urboj plej kleraj kaj la plej antaŭenirintaj sur la vojo de la progreso: inda antitezo al tiuj barbaraj tempoj en kiuj la brutaj edzoj por malgrava suspekto de sekretega kulpo, metis la sinjorinojn antaŭ la teruran dilemon de la veneno aŭ de la ponardo. Sed la civilizado ja devas helpi al io, kaj tio konsistas grandaparte el la ĝentiliĝo de la moroj; nome anstataŭi la energiajn pasiojn per la senenergiaj pasietojn; ne plu malkaŝitaj malamoj sed bone kaŝitaj antipatioj, ne sangaj venĝoj, sed epigramoj kaj kalumnioj; ne ardaj ambicioj, sed ridindaj vantoj. Nu la vanteco estas primitiva elemento por kaŭzi multegon da amoj kaj ametoj; ĝi igas la virojn preferi la scenbelulinojn, kaj igas la virojn disputi akre la pesedon de la plej famaĉaj dandoj por ilin malsovaĝigi. Kaj ĉar la vanteco povas esti difinita « ambicio de la malgravaj aferoj » kaj estas la sola ambicio de la malgrandaj cerboj, tiel ĝi ĉiam pli disvastigas sian tiranan imperion en tiu ĉi epoko malplena je grandaj okazaĵoj, en tiu ĉi vivado tiel societema, komuneca, mallabora, avida je la intima romano, je la skandalaj babiladoj kun manio tiel disvastigita malkaŝe sin montri al ĉiuj kaj paroligi pri si. Nu, mi demandas, kiel la nematuraj homoj, la maturaj virinoj kaj la Katoj povus alvoki la atenton kaj la miron de la mondo malserioza pli efike ol per bruaj amoj?

Sed ĉi tiu estas nura hipotezo, almenaŭ rilate la Katon: eĉ mi konfesas ke antaŭenirante en la komparon, mi devis konvinkiĝi pri ĝia neekzisto ĉar la filozofia graveco kaj absoluta sendiferenteco de la Kato al ĉio kio ne estas pozitiva kaj materia profito, ne lasas supozi al mi ke ĝia koro estas alirebla de la ekdeziro de malbone metita propramo. Ni ja konkludu, ke se ĝi faras tiom da nokta bruado tio estas ĉar al ĝi plaĉas kaj ŝajnas konvene agi tiele; kaj tiu finos por nin konvinki ke ĝi ne zorgas pri la tuta mondo, ke ĝia kutima trankvilo kaj silentemo ne dependas de diskreteco aŭ montro de respekto aŭ estimo al ni, sed de ĝia karaktero; fakte laŭ la bezono de siaj erotikaj emocioj, ĝi faras diablaĵojn, rompas fenestrovitrojn por forkuri, ungogratas pordojn, miaŭas kiel demonensorĉita, vin devigas en januaro ellitiĝi kun sola ĉemizo por lasi ĝin foriri; batas kaj igas sin bati; kaj interrompas la dormadon de la tuta stratanaro. Sed ĉiu ĝeno havas siajn kompensojn, kaj estas sufiĉe strange kaj plezurige aŭskulti iom apude tiun noktan interpuŝon. Mi konfesas ke mi multege amuzas kaj restas atentega, kaj ellasas min al ĉiuj flugoj de la fantazio. Iafoje ŝajnas al mi esti ĉe la opero, ludata de tiu speco de aktoroj kiuj vulgare estas nomitaj hundoj, sed kiuj estus pli bone juĝataj kiel Katoj. Mi distingas la petegantajn plorĝemojn de Desdemono, la sovaĝajn kriojn de Otelo, la raŭkan voĉon de la Doĝo. Ho kiaj malkoncertitaj pecoj, kiaj malharmoniaj ĥoroj, kiaj disŝirantaj falstonoj kapablaj degradi ĉiujn provincteatrojn! Pli ofte ŝajnas al mi ĉeesti malgrandan Trojan militon, batalita pro belega kvarpieda Elemino, kiu malkvieta kaj tremetante atendas esti kaptaĵo de la plej kuraĝa. Kaj tio ĉi ne estas fantazia eraro de klasika pedanteco. Mi nepre aŭdas iliajn vortojn Aŭskultu: Estas du Trojanoj kiuj ekscitas al vetbatalo kaj alvokas per nomo la ĉefajn malamikajn militistojn. Iu per malrapida, sufokita voĉo, tremanta pro la malestimo ekkrias: *Agamenono!* La alia kriegas per tuta voĉo *Menelao!* Mi estas konvinkita ke ĉiuj kleraj filolozoj komprenus kun egala facileco kaj certeco ĉion ceteran de tiuj koleraj vortoj.

Estas rimarkinde ke la Kato nenian sin dediĉas al amoj ne indaj je sia rango. Ho en tio ĝi estas aristokrata ĝis la lasta grado kaj tre severmora en la legitimeco de la kuniĝoj, malsame de la ĉevalo, de la hundo, de la homo kaj de aliaj bestoj. Ho kia bestego estas la ĉevalo! Vidante ĝin tiel grandan, dikan kaj seriozan oni pensus ke ĝi havus iom da saĝeco: nu ĝi ja havas siajn kapricetojn, siajn edziĝojn de la maldekstra mano, kaj perdas sian personan indecon eĉ kun la azenoj, kreante la obstinegan rasaĉon de la muloj. Kaj kia bestaĉo estas la hundo! Pro tiom da amoj vulgaraj, trivialaj, bastardaj, improvizitaj en la stratoj ĝi degeneriĝis en tiom da variaj rasoj unu pli malbona ol la alia, tiel ke oni ne povus argumenti kiu estus ĝia primitiva tipo. Sed la Kato estis ĉiam Kato neŝanĝema jam de la komenĉigo de la jarentoj kaj tio estos ĝis ĝia konsumiĝo. Dank' al nemalbonigita kaj tre antikva nobeleco de sia sango, ĝi fieriĝas havi kiel unuajn kuzojn la leopardon, la panteron, la leonon, reĝo de la arbaregoj, kaj la teruran reĝan tigron: eĉ ĝi mem estas nur malgranda tigro ĝentiligita de la kunvivado kaj senĝeneco kun la homo. Fine se vi volas koni ĝian genealogion sciu ke ĝi formas precize duanaskitan branĉon de la granda kaj fama familio *Feles*, malgrava bonsona ŝanĝo de la antikva alnomo *Felix*, saĝe altrudita de la naturistoj por esprimi samtempe la trankvilan kaj feliĉegan estadon difinitan al tiu nobla kaj timita idaro de bonvivantoj mallaboremaj kaj dormobezonaj.

*La Katino*

Sed, kencerne ĝentileco, mi bezonas al mi dediĉi monumenton al la sperta laŭdo de Katino. En ĉiuj klasoj de bestoj la palmo de la beleco estas por la virseksulo aŭ pro viveca koloro de la plumaro aŭ pro riceĉo de la felo, aŭ pro pleneco de la talio aŭ pro pli fortikaj kornoj, aŭ pro nobla fiereco de la sintenado kaj tiel plu. La ino multe malgajnas de la komparo. Sed la Katino, pro malofta escepto, dividas kun la virino la gloron de beleco tute speciala, tiel ke kune kun tiu ĝi pravigus la predikaton de bela sekso, de gracia sekso.

Ĉu iam estus eble ke patrino naturo, liverinta al la Kato tiom da inteligenteco, volus ankaŭ ĝin inviti al siaj celoj per la ensorĉado de la plej estetikaj allogoj, kiel ĝi ja uzas kun la viro? Tie ĉi estas certe, ke nenio ekzistas pli gracia kaj ĉarma ol la Katino. Ĝia felo havas la delikatecon de la hermenfelo, la kapo estas veluro, la ekstremaĵoj tre fleksеblaj kaj maldikaj, korespondas al tiuj manetoj famaj kaj al tiuj famegaj piedetoj kiujn oni renkontas en ĉiuj paĝoj de la pasiaj romanetoj. Kion ja mi diros pri la mieno? Ankaŭ la Kato estas bela, sed pro tiu trankvila kaj grava kvieteco, ĝi havas mi ne scias kion miksitan inter la malĝentilulo kaj la fanfaronulo.

Sed la vizaĝo de la Katino esprimas la plej akran inteligentecon kaj la plej delikatan sentemon. La plej malgrandaj impresoj de la odoroj, de la lumo de la sonoj modifas tiun tre moveblan fizionomion kaj determinas en ĝi cent diversajn kuntiriĝojn. Ŝi amas la dorlotojn sed ofendiĝas kaj forglitas el sub mano malglata kaj peza. Ŝi rondiras sentita de neniu: diskreta, singardema, malpeza, promenas meze de la ornamaĵoj, kolringoj de la skatoletoj, de la porcelanoj, nenion elmovante, nenion tuŝante. Ŝi ŝajnas naskita por loĝi la plej elegantajn modernajn salonetojn, plenajn je arbetoj, je bagateloj, ludilaj naivegaĵoj, kiuj foje amuzigis la etajn infanojn kaj nun amuzigas la infanojn plenkreskajn. Fine ŝi havas la agmanieron kaj la ĉarmojn de sinjorineto, sed de tiuj unuarangaj, supersentimentalaj, kiuj neniam manĝas, kaj neniam iras promeni piede, kiuj lernas la anglan lingvon. Ŝia beleco estas diversa kiel en la virino, kaj estas por ĉiuj gustoj; estas la malgrasa kaj la graseta, la blankega kaj la bruna, la blonda kaj la kolormiksita per makuloj tiel delogaj kaj kapricaj ke ili ŝajnas koketaĵoj el la plej rafinita arto dume estas favoroj de privilegiita naturo. Kaj per kiuj rimedoj ŝi rimarkigas tiom da dorlotaĵoj? Tie ĉi estas la mirindaĵo: sen bantoj kaj sen kufoj, sen puntoj kaj sen oro; sen spegulo kaj sen kosmetikoj: per iom da salivo kaj per la lango. Altega leciono pri simpleco kaj ekonomio! Ĝin meditu vi, ho edzoj kiuj ĉiam havas la monujon malplenan por la senĉesaj kalkuloj de la parfumisto, de la merceristino de la tajlorino, de la modistino, de la juvelisto. La Katino tute beliĝas per la lango; dum multaj belaj virinoj per la lango prosperas ŝajni malbelaj.

*(Daŭrigota).*

ĝoj estos prizorgataj de komisiono elektota de la Administra fako inter la Esperantianoj de la regiono, kie okazos la Kongreso.

§ 21. — La elspezoj por la publikigado de la kongresaj kaj aranĝoj estas repagataj per la kongreskotizaĵoj kaj la donacoj. Por ĉiu kongreso povos esti eldonataj helpkongresaj kartoj por la personoj, kiuj ne ĉeestis en la kongreso, sed deziras ricevi ĝiajn dokumentojn.

§ 22. — En okazo de profito el la kongresaj spezoj almenaŭ duono estos difinata por speciala kongresfondaĵo

Aprobita de la Komitato de U. E. A.

*La Prezidanto de U. E. A.*
H. Bolingbroke Mudie.

*Por la Administra Fako,*
H. Hodler, komitatano.

# ESPERANTIA VIVO

## Paul Cazeaux

Kun profunda ĉagreno ni ekciis la morton de nia sindona Esperantia helpanto, Sinjoro Paul Cazeaux, konsulo por maraferoj en Bordeaux kaj membro de la komerca kaj turisma komisionoj de U. E. A. Lia morto estas grava perdo por nia Asocio, pri kiu li laboradis jam de la plej frua tempo. En tiu momento kiam al ni tute mankis la helpantoj, li mem sin proponis por kunlabori. La turismaj paj komercaj aplikoj de U. E. A. lin speciale interesis kaj li en tiuj fakoj faris tre gravajn kaj ŝatitajn servojn al nia Asocio. Li fariĝis estro de la subfako gvidfolioj; li mem faris la planon de tiuj gvidfolioj kaj havis la fruktodonan ideon ilin eldoni laŭ la sama formato. Kun obstina energio li klopodis por eldonigado de tiuj gvidfolioj kaj havis pri tio grandan korespondadon, kiun li plenumis kun imitinda ordemeco kaj akurateco.

Li poste ankaŭ sin okupis pri komercaj demandoj interne de U. E. A.; li prezentis al nia komitato projekton pri komercaj reprezentantoj kaj bonegan regularon pri informpetoj, laŭ kiu estis ellaborita la definitiva regularo. Li certe estus ankoraŭ multege helpinta al la disvolvo de nia Asocio per siaj ĉiam praktikaj kaj saĝaj iniciatoj, el kiuj la entrepreno de la gvidfolioj sufiĉas por rememorigi pri lia nomo.

Li ne nur laboris, sed ankaŭ iafoje faris diskretajn malavarajn mondonacojn al U. E. A. En ĝi li vidis fonton de sennombraj praktikaj fruktoportaj aplikajoj kaj la triumfon de Esperantismo li juĝis ebla nur per U. E. A. Li estis modestulo, sed modestulo, kiu plenumis sian utilan taskon kaj pli helpis al ni ol dekoj da varmaj aprobantoj, ĉar lin ne timigis la materiala laboro, sen kiu nenio serioza estas starigebla. Ĉiuj Esperantianoj danke konservos en si la memoron pri lia nomo.

Al lia vidvino kaj al lia familio ni prezentas la certigon de nia respektplena simpatio.

H. H.

## Esperantiaj Informoj

**Augsburg** (Bavarujo). — Okaze de la vizito de S^ro Hodler, vicprez. de U. E. A., sukcesa festo estis aranĝita en hotelo 3-Mohren. Ĉeestis cento da Esp.-ianoj. S-ro Beideck anoncis, ke la tuta grupo (cirkaŭ 150 membroj) aliĝis kiel Esp.-ia Asocio. S-ro Hodler poste paroladis pri la signifo de U. E. A. kaj la rolo de la venonta kongreso. Sekvis ĝoja balo kaj ĥora kantado de l'Espero. Ĉio antaŭsignas gajajn belajn kongrestagojn.

**Bruges** (Belgujo). — Dum la Belga Esp. Kongreso, kunvenos la Del. kaj Esperantianoj de distrikto Belgujo. La horo estos konigata dum la kongreso. Oni esperas la ĉeeston de multaj Esp.-ianoj. S-ro H. Hodler, vicprez. de U E. A., verŝajne ĉeestos.

**Bruselo** (Belgujo). — La 12^an de Majo, S-ro H. Hodler fares ĉe la konferenca sekcio de la Ekspozicio paroladon (franclingve) por la U. E. A. ĝiaj servoj kaj ĝia socia graveco. Oni scias, ke ĉe la kongreso de la Internaciaj Asocioj U, E. A. estos reprezenta de S-roj Hodler kaj A. Richardson.

Pri la Ekspozicio oni komunikas al ni la jenajn informojn; estis starigita rendevuo en la holando sekcio ĉe S-ro Bles, de kiu oni povos ricevi ĉiujn informojn. La kunvenejo kaj gastotablo estas en « Hotel du Moulin d'Or » (30, rue d'Assaut), proksime de la Esp.-Of. Oni petas la samideanojn, kiuj vizitos Bruselon, informi pri la horo de sia alveno la viedel. S-ro A. Richardson por peti sciigojn. La vizitantaj Esp.-ianoj ĉiam portu la verdan stelon.

**Cartagena** (Hispan.). — La gazeto « La Manana » publikigis la tutan hispanan propagandan broŝuron pri U. E. A.

**Dresden** (Saksujo). — La tieaj Esperantianoj fondis gastotablon ĉe la Kaiser-Café kontraŭ la stacidomo; ĝi okazas la 1^an kaj 3^an dimanĉon de ĉiu monato je 11^h 1/2 antaŭtagmeze; oni parolas en ĝi Esperante pri la Esperantia Movado. Trapasantoj estas kore invitataj. Tre imitinda iniciato. — Nia Asocia daŭras kontentige progresi.

**Freiberg** (Saksujo). — Laŭ la iniciato de S-roj Dinger, Del, Dresden, kaj Kœtz, Del. Leipzig, la Del., Vicdel., Konsuloj, k. a. de U. A. E. de distrikto Saksujo kunvenos en Freiberg dum la Esperanto-Tago, la 5^an de majo, je 3^h, kun la jena tagordo: 1. kialo de la kunveno; 2. elekto de provizora prezidanto; 3. fondo oficiala de distrikto de U. E. A.; 4. proponoj pri ĉiudunjaraj kunvenoj; 5. aliaj proponoj; 6. kongreso de U. E. A., propono kaj decido; 7. elekto de prezidanto; 8. diversaĵoj.

**Genova** (Italujo). — Nia Del. S-ro Stromboli, faris sukcesajn paroladojn pri Esp. kaj U. E. A. ĉe la Societo de la Ĵurnalistoj kaj ĉe societo de legado.

**Godesberg** (Okcid. Germanujo). — La Rejna Esperanto-Kolonio estas la urbeto Bad Godesberg a/Rh. Tiu ĉarma ĝardenurbeto, nomita de A. Von Humboldt, la «oka mirindaĵo de l'mondo» kuŝas en la mondfama Rejnvalo, inter Kœln kaj Koblenz; ĉiujare ĝi altiras milojn da fremduloj. Dank'al la energia laboro de la Esp.-Asocio, nia afero havis tie grandajn sukcesojn. Oni prave povas diri, ke alilandano povas jam nun agrable iri en Godesberg nur per Esp., ĉar la Esp. organizo estas perfekta (konsuloj, oficejo, gastotablo, ktp) kaj ekzistas bonaj pensionhoteloj kaj magazenoj, kie oni parolas Esp. Lastan someron, venis Esp.-ianoj germanaj, anglaj, francaj, belgaj, holandaj, danaj, rusaj. Baldaŭ aperos Esp. gvidlibreto. Por ĉiuj informoj sin turni al la Del., S-ro Th. Oster.

**Mosko** (Rusujo). — En « La Ondo de Esperanto » nia fervora Del., S-ro Szabuniewicz, aperigis bonegan artikolon pri U. E. A. La nombro de la Esp.-ianoj daŭras ĝojige kreski.

## Esperanto-Tago en London

La komitato elektita por aranĝi la specialan Esperanto-Tagon okazontan la 11-an de Junio 1910 kore invitas la helpon kaj ĉeeston de diverslandaj samideanoj.

La manifestacio okazos en la « White City », la sidejo de la *Japan-Brita Ekspozicio*. Oni certigas ke la Ekspozicio mem estas grava afero senegala, kaj ne ripetebla. Estos videblaj interesaĵoj nepermesitaj en Japanujo mem al la rigardo alilandula.

Lastan jaron partoprenis en simila manifestacio en la sama loko pli ol 1200 samideanoj, sed en la nuna jaro, ĉar la Ekspozicio mem allogos pli grandan popolamason estos dezirinde ke du ĝis tri mil samideanoj venu por konverti la ĝis nun ne-esperantistiĝitajn.

Ni donas ĉi sube, la provizoran Programon.

Vendredon, 10-an de Junio. Speciala Societa Kunveno ĉe St Bride's Institute Ludgate Circus (sidejo de la centra Londona Klubo).

Sabaton, la 11-an de Junio. Speciala festo ĉe la *White City*. Manifestacio en unu el la grandaj Ekspoziciaj ĉambroj. Kanto de l'*Espero*, ludota de unu el la plej famaj militistaj Muzikistaroj. Koncerto, kiam kantos speciale instruita kantistaro de 100 knaboj, kaj Specialaj Piroteknikoj.

Dimanĉon, 12-an de Junio. Diservo, en unu el la Preĝejoj, Ekskurso sur la rivero « Tamizo ».

Lundon, 13-an de Junio. Oficiala Ĉiujara Kunveno de la Brita Esperantista Asocio, ĉe St Bride's Institute, Ludgate (sidejo de la Londona Klubo) sekvota de festo en la sama loko.

La kunhelpo de *Esperantianoj* estas urĝe petata.

La Komitato por *Esperanto-Tago*.
H. Bolingbroke Mudie Prez. U. E. A.
G. J. Cox.
Cedric F. White.

# VARIETEA MONDO

### Al la Esperantistaro

Antaŭ kelke da tempo ni raportis pri propaganda prezentado de S-roj Schwarz en Parizo en la teatro Folies Bergères, kiu bone efikis. Tiaj prezentadoj ripetiĝis en Haag kaj Rotterdam. Ili certe estas ekstraordinare gravaj por la propagando de nia Esperanta lingvo. Por nun pli ofte okazigi tiajn prezentadojn, la liga direktantaro interrilatis sin kun kelke da taŭgaj anoj, precipe koncertkantistinoj, kiuj ankaŭ estas pretaj aranĝi tiajn propagandajn prezentadojn. Bedaŭrinde ne estas eble al ni havigi al ĉi tiuj fervoraj anoj la esperantajn tradukojn de ĝiaj paroladoj, kantoj k. t. p. Pro tio ni turnas nin al la samideanaro, ke ili kunhelpu. Ni petegas ĉiujn talentajn gesamideanojn, kiuj povas subteni nin en ĉi tiu rilato, ke ili bonvolu sciigi al ni siajn adresojn, dezirojn kaj inklinojn. Poste ni elektos la konvenan teatraĵon k. t. p. kaj transsendos ĝin. Ju pli riĉe ni povas provizi niajn liganojn, je taŭgaj esperantaj teatraĵoj, des pli efikaj estos tiaj esperantaj prezentadoj. Hodiaŭ ni povas diri, ke la liga direktantaro intencis, aranĝi dum la Augsburga kongreso en la plej eminenta Augsburga varietea teatro prezentadon kun tutplena esperanta programo. Bedaŭrinde tio ne estas ebla, pro tio, ke la teatro somere estas fermata. Tamen la Kabaretprezentado aranĝota dum la kongreso estos bona okazintaĵo por la membroj de nia ligo, kunhelpi je la prospero. Sed laŭ la cititaj kaŭzoj la efektivigo de tiu ĉi plano dependos de la subteno de la samideanaro. Dresdeno estis la naskiĝa loko de l'unua esperanta teatra prezentado, kaj ni esperas, ke ni povos montri al kongrespartoprenantoj en Augsburg ankaŭ prezentadon de varieteaj artistoj.

### Al niaj membroj

La ĉiam kreskanta amplekso de l'ligaj aferoj kaj la grandaj poŝtelspezoj kaŭzitaj per tio, devigas nin peti niajn membrojn, al ĉiuj informpetoj, kiujn oni ne povas respondi en la leterkesto en « Varietea Mondo », aldoni respondkuponojn, (en Germanujo poŝtmarkojn). Ĉiujn sendaĵojn al la ligo oni adresu al la oficejo, S-ro Otto Linse, ĝenerala sekretario de V. E. L. en Leipzig (Germanujo), Kurprinzstrato 22.

## La I^a Katolika Tutmonda Kongreso en Parizo

En niaj katolikaj jurnaloj mi jam pritraktis la gravecon de tiu kongreso je la religia vidpunkto, mi nur diros hodiaŭ kelkajn vortojn pri ĝia graveco kiel pruvo de la praktika utileco de nia internacia lingvo.

Niaj kvin internaciaj kongresoj, niaj multnombraj naciaj kongresoj, sufiĉe jam elmontris la taŭgecon de Esperanto kiel internacia interkomprenilo, sed al ni katolikaj revenas la gloro havi internacian kongreson kiu tute ne celis Esperanton, sed specialan temon, nome la profiton de la katolika religio, kaj samtempe elekti la internacian lingvon kiel ilon kaj rimedon por interparoli dum la tuta Kongreso.

La rezulto estis sukcesega nia Kongreso elmontris al la tuta mondo ke vera internacia lingvo ekzistas, ke estonte ne plu estas necese dum iu ajn internacia Kongreso, uzadi 5 aŭ 5 diversajn lingvojn kiujn la plimulto de la ĉeestantoj eble ne komprenos. Ne, ĉar lingvo internacia ekzistos, tiel simpla, tiel facila ke ĉiu, je normala kapableco, povus ĝin lerni kaj paroli flue, post du monatoj da studado. Plue, nia Kongreso pruvis ke Esperanto taŭgas por *iu ajn* speco da diskutado. Efektive, jen kelkaj temoj pri kiuj oni pritraktis dum la katolika kongreso.

1^o La unuiĝo de la diversaj ne katolikaj Eklezioj al la Petra Seĝo (Cathedra Petri). Pastro Anglikana kaj Ortodoksa Ruso longe pritraktris tiun temon kaj mi legis raportojn en Esperanto, el Ameriko, Rumanujo kaj Armenio, same celantajn.

2^o Post longa kaj iome agita diskuto pri la elparolado de la latina lingvo, oni fine voĉdonis por la deziro elektiĝi la roman elparoladon almenaŭ inter katolikaj.

3^o Oni legis multajn raportojn haviĝitajn dank'al Esperanto, el diversaj landoj pri la diversaj manieroj por kolekti la « Soldon por la Kulto » en landoj kie la Ŝtato ne plu monhelpas la Eklezion.

4^o La mondkonata Frato Izidoro la Apostolo por la Blindulo, elmontris kaj klarigis la utilecon de Esperanto por helpi la blindulojn kaj esprimis la deziran ke baldaŭ, dank'al nia kara lingvo, tiuj malfeliĉaj gefratoj povus ĉiuj facile interrilati.

5^o Oni pritrakis multajn aliajn demandojn, socialajn kaj filantropajn.

6^o Oni definitive starigis la regularon de la Tutmonda Katolika Unuiĝo Esperantista. (T. K. U. E.), kiu jam havas naciajn ligojn en Francujo, Auglujo, Belgujo, Hispanlando, Rusujo kaj Italujo. La T. K. U. E. estas entrepreno de la U. E. A.

Jen la rezulto de nia Kongreso: kia estas la necesa logika konkludo? Kompreneble ke ĉiu diversa fako de la agemeco kaj la intelekto homaj devos sekvi nian ekzemplon. Ni devos antaŭ vidi ke baldaŭ (eble tre baldaŭ) niaj internaciaj propagandaj kongresoj ĉesos. La mondo estas tro granda, la tempo tro grandvalora. Cetere tiuj kongresoj iĝas grade malpli necesaj, tial ke Esperanto disvastiĝas ĉiutage pli kaj pli. Male, la utileco de Esperanto kiel rimedo por interkompreno por interpridiskutado sentiĝos pli kaj pli. Klopodu ni Esperantistoj, ni la progresemuloj, ni la amikoj de la homaro, por ke baldaŭ ĉiu internacia kongreso uzu la Internacian lingvon kiel oficialan lingvon de siaj debatoj.

Austin Richardson,
*Prezidanto de T. K. U. E., vic-prezidanto de Belga Ligo Esperantista*

**Sabaton 14^an de Majo, je 8 h. 1/2**
*129, rue Mercadet, PARIS*

# KUNVENO

DE

## ĈIUJ PARIZAJ ESPERANTIANOJ

Esperanta Parolado
H. HODLER, Vicprezidanto de U. E. A.
*pri U. E. A., ĝiaj servoj, ĝia socia signifo*
S^ro Ed. Privat, parolados france.
Ĉiuj Esperantianoj kaj Esperantistoj estas petataj veni multnombraj.

## Internacia Instituto de Esperanto

II. *Atesto pri kapableco*

Tiu ekzameno havas skriban parton kaj parolan parton. Estas postulate, ke la kandidato bone konu la gramatikon, vortaron kaj sintakson, povu flue kaj korekte paroli la lingvon kaj sciu pri la historio kaj ĝenerala organizo de Esperantismo,

La programo estas jena: A. *Skriba ekzameno.* 1^e Letero unupaĝa pri donita temo (historia, organiza aŭ praktika). B. *Parola ekzameno.* 1^e Momenta interparolado esperante pri ĝeneralaj aferoj; 2^e komentario pri du tekstoj donitaj; 3^e respondo al esperantaj demandoj pri gramatiko.

La enskribo kostas 5 $.

III. *Profesora Diplomo*

Tiu ekzameno havas skriban parton kaj parolan parton. Estas postulate, ke la kandidato plene konu la gramatikan sintakson kaj vortaron de la lingvo, plene konu nian literaturon (Verkaron de D-ro Zamenhof, k. t. p.) pruvu sian studadon de la historio kaj organizaĵoj de esperantismo (Kongresoj, Akademio, Universala Esperanto-Asocio, Internacia monsistemo, Interna Ideo, Paroladoj de D^ro Zamenhof, k. t. p.), konu la diversajn metodojn de esperanta instruado (parola metodo, senpera metodo, instruo por la infanoj, k.t.p.) Li devas nepre flue kaj korekte paroli por ke li povu en Esperanto taŭge komentarii ian donitan tekston, bone klarigi stilon aŭ gramatikan demandon, k. t. p.

La programo estas jena: A. *Skriba ekzameno.* 1^e Skribverkaĵo pri esperantista temo; 2^e skribverkaĵo pri instrua, lingva oŭ literatura temo (almenaŭ 1000 vortoj), B. *Parola ekzameno:* 1^e lego kaj klarigo pri donita teksto; 2^e respondo al gramatikaj demandoj (esperante): 3^e interparolado pri la maniero instrui Esperanton; 4^e leciono esperanta, klarigo pri gramatika aŭ stila demando; 5^e respondo al demandoj pri historio kaj organizaĵoj de esperantismo, vivo de la lingvo.

Tiu ekzameno estas speciale rekomendata al ĉiuj kursfarantoj, instruantoj, k. a.

La enskribo kostas 10 $.

IV. *Kiel ekzameniĝi?*

I. *Atesto pri studado.* Ĉiu persono, kiu deziras provi tiun ekzamenon, subskribu la respondilon, kiu estas ĉe la fino de tiu broŝuro kaj sendu ĝin kun la montrita monsumo (2 $) senpere al la Instituto (19, Pont-d'Arve, Genève). Interŝanĝe vi ricevos *demandaron,* kiun vi sola plenumos kaj resendos. Du aŭ tri semajnojn poste vi estos informata pri viaj notoj kaj sukceso aŭ malsukceso.

II-III. *Atesto pri kapableco. Profesora diplomo.* — Ĉiu persono, kiu deziras provi unu el tiuj du ekzamenoj, subskribu la respondilon, kiu estas ĉe la fino de la broŝuro kaj sendu ĝin kun la responda monsumo al la ĉefjuĝanto de sia distrikto. Se via distrikto ankoraŭ ne havas juĝantaron, sendu la respondilon senpere al la Instituto (19, Pont-d'Arve). Interŝanĝe vi ricevos por la *skriba* ekzameno *demandaron,* kiun vi sola plenumos kaj resendos al la Instituto, kiu konigos al vi la lokon kaj daton, je kiuj okazos la *parola* ekzameno. Principe, okazos jare almenaŭ du ekzamenkunsidoj en sama distrikto, speciale koincide kun regionoj aŭ naciaj kongresoj kaj festoj esperantistaj. La Instituto mem vin poste informos pri via sukceso aŭ malsukceso kaj konigos al vi viajn notojn.

*Ĝeneralaj rimarkoj.* — Ĉiu kandidato, kiu malsukcesis ekzamenon, havas la rajton provi ĝin unufoje denove kaj *senpage,* en tempolimo de 6 monatoj post la unua provo. Tiuokaze li devas agi kiel por nova ekzameno.

Neniu kandidato estos ekzamenata, se li ne pagis sian enskribon.

La nomoj de la sukcesintaj kandidatoj aperas en la oficiala organo de la Instituto.

### Instruado

La personoj, kiuj deziras prepariĝi por ekzamenoj aŭ perfektiĝadi en la kono de Esperanto, povas tuj sin turni, klarigante sian deziron, al la centra sekretariejo de l'Instituto (19, Pont-d'Arve, Genève).

La personoj, kiuj dezirus konsilojn pri sia ekzameno (listo de legotaj verkoj, demandoj specialaj studotaj) povas tion ricevi el la Instituto, kiu koresponde instruas kaj ekzercojn korektas (Prezo de ĉiu leciono: 1 $.

### Financa Subtenado

La ĉiam pli efikan laboron de la Instituto tre faciligos mondonacoj al ĝia centra kaso. Tiu ĉi devas fariĝi kvazaŭ *internacia propaganda kaso* por organizi veran *misian laboron* por Esperanto en regionoj kie ĝi estas plej bezonata. La granda anglo-svisa banko « Bankverein Suisse » bonvolis preni sur sin la konservadon de tiu ĉi kaso, kaj la Instituto faras tutkoran alvokon al ĉiuj samideanoj, kiuj deziras helpi ĝian instruan kaj propagandan agadon.

*(Daŭrigota).*

## La Internacia Organizo kaj la Internaciaj Asocioj

de PAUL OTLET
*Ĝenerala Sekretario de la Internacia Bibliografio Instituto*

II

Fondaj aktoj. — La fondaj aktoj de Internaciaj Asocioj estas: por oficialaj asocioj, interkonsentoj aŭ kontraktoj; por liberaj asocioj, statutoj (1). Tiuj aktoj estas pli malpli disvolvitaj laŭ la asocioj. Oni povas citi, inter la plej detalaj kaj kompletaj, tiujn antaŭ nelonge ellaboritajn de la Universala Societo de la Blanka Kruco.

La statutoj difinas la celon de la Asocio, la organizadon, kaj ofte la principojn, kiuj estas ĝia bazo. Ĝenerale oni enskribas en la statutojn kaj konvenciojn nur la ĝeneralajn principojn, la esencajn regulojn, kiuj ne facile povas esti modifataj, kaj oni rezervas por la regularo, pli facile aliĝebla, la praktikajn demandojn, la aplikadon de la statutoj kiel ekzemple la aranĝojn rilate al la modo de publikigado de la buĝeto, al la interna organizado de servoj, k. t. p. (Unuiĝo de doganaj tarifoj). En oficialaj Unuiĝoj, la regularo estas ellaborata ĉu de la konferenco, ĉu de la Internacia Oficejo, ĉu de unu el la partoprenantaj registaroj, kaj submetata al la aprobo de la aliaj. (Internacia Oficejo de publika Higieno).

Oni konstatas, en la ĝenerala strukturo de la statutoj kaj de la intertraktatoj la fortan influon de la mentaleco de la naciaj redaktintoj de la primitivaj projektoj. Oni ankaŭ konstatas, ke la fondaj aktoj de certaj asocioj servas kiel modeloj por aliaj. Estas en tio la utilo, ke estintaj okazintaĵoj montras la precizan signifon de la voĉdone akceptitaj tekstoj. Eĉ se la ĝenerala strukturo de la statutoj kaj intertraktatoj estas malsama, multaj artikoloj estas transportataj de unu asocio al la alia, kvazaŭ klasikaj paragrafoj. Certaj statutoj estas videble superaj al aliaj, kiuj ŝajnas tro rapide redaktitaj, antaŭ ol la fondintoj sufiĉe konsciis pri la graveco de certaj reguloj en okazo de konflikto, pri la en la daŭro de l'tempo postulotaj aliigoj, kaj pri la iafoje neevitebla dissolvo.

Kelkaj Asocioj ofte modifis siajn statutojn. (Internacia Instituto de statistiko, Internacia Kolonia Instituto). Ĝenerale oni alprenas regulojn por malfaciligi tiajn modifojn: enskribo en la tagordo per la Komitato; aŭ, laŭ peto de ia difinita nombro de anoj, sendo de la tagordo per rekomendita letero; voĉdonado laŭ certaj plimultoj; voĉdonado en du sinsekvaj plennombraj kunsidoj (Instituto internacia de mezaj klasoj), k. t. p.

Kreo de Oficialaj Asocioj. — La procedo ĝenerale uzata estas jena: al la Ŝtatoj estas sendataj invitleteroj cirkuleraj, aŭ informo, « memorandum » estas donata al la reprezentantoj de la diversaj nacioj ĉe la Ŝtato, kiu iniciatas la kunvokon (konferenco pri la paco). La invitletero precizigas la temojn priparolotajn; ĝi estas akompanata de noto klariganta la celon proponitan al la konferenco (publikigado de la doganaj tarifoj).

Internaciaj Konferencoj ne nur preparas kontraktojn kaj regularojn; ili ankaŭ formulas deklaraciojn, proklamas kaj aprobas principojn, esprimas dezirojn aŭ konsilojn (Konferenco pri la Paco, Konferencoj Tutamerikaj).

Ili povas rekomendi aŭ akcepti tutan regularon ellaboritan kaj akceptitan, sendepende de ili, en kelkaj Ŝtatoj. La unua Tutamerika konferenco, en 1889, ekzemple, konsilis la enpraktikigadon de la saneca regularo de la Kongreso de Lima en 1888.

La laboroj de Konferencoj por la fondo de internaciaj asocioj konsistas el diskutoj en agadaj kunsidoj aŭ en komisionoj, kaj el pritraktado de la demandoj inter la delegitoj, ekster la kunsidoj. Estas tute necese, ke la konferencoj estu preparataj per antaŭaj laboroj, kaj apartaj interŝanĝoj de opinioj inter certaj Ŝtatoj, por ke, antaŭ la kuniĝo de la delegitaro, jam ekzistu kerno de aliĝantoj al certaj principoj de organizado. Kiam la celo estas malfacile atingebla kelkaj diplomatiaj konferencoj, agantaj teorie preparis antaŭe projekton tipon de organizacio, kiu ne ligas la reprezentatajn Ŝtatojn,, kaj ili komisiis al unu el tiuj registaroj la taskon malfermi diplomatiajn pritraktadojn kun la registaroj, kiujn ĝi koncernas, alprenante kiel bazon la jam okazintajn diskutojn (Sukerfabrikada Unuiĝo).

La dua konferenco de Hago speciale suferis pro tiu manko de preparado en siaj laboroj. Pro tio ĝi altiris la atenton de la nacioj « al la neceseco prepari la laborojn de la tria konferenco sufiĉe longe antaŭe, por ke ĝiaj pridiskutoj estu kondukataj kun la absolute necesa aŭtoritato kaj rapideco, » Por atingi tiun celon, la konferenco juĝis utila, ke dum du jaroj antaŭ la kunsido, prepara komitato estu komisiata de la registaroj por kunigi la diversajn proponojn submetotajn al la konferenco, por ekzameni la materialojn taŭgajn por la estonta internacia Regularo, kaj por prepari programon, kiun la registaroj starigus sufiĉe frue, por ke ĝi povu esti serioze pristudata en ĉiu lando.

La konferencoj finiĝas per konkluda Akto aŭ ferma protokolo, kiu resumas la faritan laboron kaj citas la kontraktojn kaj deklaraciojn aldonitajn al la Akto. Estas ankoraŭ farata protokolo de la subskriboj. Ĝenerale unu sola ekzemplero estas starigata, kaj lasita en la Ministrejo de Eksterlandaj Aferoj de la Ŝtato, en kiu sidis la konferenco. Kopioj de tiu protokolo, certigitaj konformaj al la originalo, estas donataj al ĉiu reprezentita registaro. La Aktoj estas datumitaj de la tago de la fina akto kaj povas esti subskribataj ĝis antaŭfiksita dato per la rajtigitoj de la Ŝtatoj reprezentitaj al la konferenco.

La kontraktoj de oficialaj konferencoj devas esti aprobataj. Tiuj aproboj estas sendataj al la Ministrejo de Eksterlandaj Aferoj de la registaro de la lando, kie okazis la konferenco, en tempolimo difinita por la konvencio.

La efektivigo de la decidoj de ia konferenco estas komisiata al la Oficejo de la konferenco; aŭ la delegitoj estas petataj fari ĉiujn necesajn klopodojn apud sia propra registaro; aŭ ankaŭ estas elektita por tio ia speciala organo (permanenta oficejo).

La registaroj povas enkonduki en la kontraktojn, interkonsente, kaj en ĉiu epoko, la plibonigojn konsideratajn utilaj aŭ necesaj. Tiu regulo estas ofte detale enskribita en la kontraktoj (Publikigado de Doganaj Tarifoj). En la statutoj de la Poŝta Unuiĝo estas speciale notite, ke estos kunvokataj Kongresoj de rajtigitoj de la kontraktantaj landoj aŭ simplaj administraciaj konferencoj — laŭ la graveco de la solvotaj demandoj — kiam almenaŭ la du trionoj de la registaroj, aŭ administracioj — laŭ la okazo — petos pri tio aŭ aprobos tian peton. Kongresoj tamen devas okazi almenaŭ ĉiun kvinan jaron. En la intertempo, ĉiu poŝta administracio de ia lando en la Unuiĝo havas la rajton sendi al la aliaj aliĝintaj administracioj, per la Internacia Oficejo, proponojn koncerne la funkciadon de la Unuiĝo.

Iafoje konvencioj reguligas la procedon de la modifoj. Ekzemple, la statutoj de la Unuiĝo por la transporto per fervojo diras: « Ĉiujn triajn jarojn almenaŭ, konferenco de delegitoj de la Ŝtatoj aliĝintaj al la konvencio estos kunvokata por enkonduki en la regulojn de la nuna kontrakto la plibonigojn aŭ modifojn konsideratajn kiel necesaj. Tamen, konferencoj povas okazi antaŭ tiu epoko laŭ peto de almenaŭ la kvarono de la aliĝintaj Ŝtatoj. »

Iafoje oni anstataŭigas la antaŭan Kontrakton per tute alia. La Filoksera konvencio, ekzemple, komenciĝas per tiu frazo: « La kontraktantaj Ŝtatoj, retirante sin el la internacia kontrakto de la 17^a de septembro 1878, por starigi novan, promesas... »

*(Daŭrigaŭta).* Trad. E. Ramo.

(1) Oni proponis krei Internacian Unuiĝon por la publikigado de Internaciaj Traktatoj. La projekto estis prezentata al la Internacia Konferenco de Berno.

PENSIONO. — Familio de geprofesoroj ĉe la superaj lernejoj akceptus kelkajn fraŭlinojn en pensiono. Vivo agrabla kaj gaja. Centra hejtado. Ĉarma artista hejmo kun mirinda situacio kaj bonega aero, borde de l'fama Geneva lago (*France*, Esperante, germane, angle). Adr.: Sro Vittel, prof. « La Vegnetta ». *Morges* par *Lausanne* (Svisujo). *Esperanta prospekto* laŭ peto.

INDUSTRIA AGENTO posedanta seriozan klientaron, vizitanta orienton, centron kaj sudon de Francujo, proponas sian kunlaboradon al fremdaj firmoj por riprezenti ilin en Francujo.

Proponas ankaŭ deponejon por industriaĵoj aŭ komercaĵoj. Skribi al S-ro Macary, 27 strato Bonnand, Lyon, Francujo.

KAŬĈUKO. — Samideano vojaĝanta tra la regiono kaŭĉuka de Brazillando, sin proponas por aĉeto pogranda de kaŭĉuko kaj mangabo. Skribi por ricevi detalojn al S-ro Paulo Berthelot, Leopoldina, Goyaz, Brazilujo.

ATENTU! — Niaj gesamideanoj dez. korespondi kun eksterlandaj geamikoj. Nia grupo garantias ke ĉiu ano tuj respondas. Skribu al la Oficejo de Esp-Societo-Zamenhof : Hotel Stadt Johannesburg, Gœrlitz. Germanujo.

PENSIONO. — Ĝenevo (Svisujo), Villa les Mélèzes, 17, chemin des Chênes. Pensiono por fraŭlinoj, saniga situacio, ellernado de franca lingvo kaj kompletigo de la edukado. Hejma vivado. Prospekto Esperanta ĉe la direktorino. Por pluaj detaloj sin turni al la direktorino.

POR JUNULOJ. — F. L. G. Maréchal, B.-A. Direktoro (Lingva fako), Northern institute, internacia komerca lernejo, prezidanto de Internacia Asocio de Instruistoj, 384, Kingston Terrace, Leds, Anglujo, akceptas fremdajn junulojn kiuj deziras ellerni la Angl. Lingvon kaj komercajn metodojn. Banejo ; biliardĉambro, fumĉambro, k. t. p. Jare 500 Sm.

## Komercaj reklamoj

NUTRAĴ-BISKVITOJN mondfamajn por infanoj kaj malsanuloj forsendas tuj kontraŭ poŝtm. de 30 Sd. (60 pfen), afrankite por Germ., po 1 sesdeko. Franz Richter, Ritterburg bei Artern, Germanujo.

**Silkaj esperantaĵoj.** — B. Peyraud, Vicdel. U. E. A., 54, rue de la Préfecture, Saint-Etienne, Francujo.

*Flagetoj, kravatoj verdstelumitaj* por samoj, 5 modeloj. — *Atlasa rubando*, kun verdstela desegno, por sam-inoj. — *Vualskarpoj* esperantistaj, el blanka gazmuslino. — *Bildoj teksitaj* el silko, veraj teksaj ĉefverkoj. — Kontraŭ 1 respondkupono, oni ricevas silkan flageton kaj la ilustritan prezaron.

CENT DIVERSAJ POŜTKARTOJ. — Esperantaj por elekti. Mendu prezaron de Eldonejo Germanujo ; Leipzig, Langestr. 27.

9 LAMPIONOJ, formante la vorton Esperanto, Sm. 1.50 kaj sendelspezoj. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Langstr., 27.

150 ESPER. POŜTKARTOJ diversaj Sm. 4.50 (100, 3 Sm.). Mendu prezaron. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Langestr., 27.

INTERNACIA PROPAGANDA KORESPOND-POŜTKARTO, seslingve kun belega bildo de nia majstro. Po 10 ekz. Sm. 0.15; po 50 ekz. Sm. 0.55; po 100 ekz. Sm. 0.90; 1000 ekz. Sm. 5.20, afrankite. Oni akceptas ankaŭ poŝtmarkojn ĉiunaciajn, transpagilojn kaj Esp-ĉekojn. *Germana Esperanto-Librejo*, Kœnigstr. 19, Leipzig, Germanujo.

*La Administranto (Gérant) : DUVAL*
Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo)

## WÖRISHOFEN

**Akvo kaj Montaerokuracoj**

*(Metodo Kneipp)*

Aero-, suno kaj elektraj banoj. Somero kaj vintrosezono; 629 m. s. l. m. KLIMATO SUBALPA. Loĝejo kaj flegado je ĉiuj bezonoj, en sanatorio, institutoj, hoteloj, pensionoj kaj vilaoj. 2 horoj de München-Augsburg. Nombro de fremduloj en 1909 : 9311 personoj. Prospektoj kaj informoj per la KURVEREIN.

## GRAVA AVIZO

Ĉiu esperantisto devas posedi en sia albumo *portreton de sia korespondanto*. Jen : « Universala Portretejo » preparas verajn *fotografaĵojn sur la poŝtkartoj* en prezo :

15 poŝtkartojn kun fotoportreto . . 1 ₷
35 » » » . . . 2 ₷

Maniero de la mendo jena :

Alsendi en simpla nerekomendita letero sian fotografaĵon kun 10 respektive 20 poŝt-respondkuponoj (Coupons-réponse) : aĉeteblaj ĉe poŝtoficejoj. Post kelkaj tagoj oni ricevas afrankite la sendaĵon kun sia nedifektita fotografaĵo.

*Adreso :*
UNIVERSALA PORTRETEJO
**Lwow-Lemberg**
*Poŝtfako No 78. — Aŭstrujo-Galicio*

Oni petas skribu sian adreson legeble.

Oni destinas 5 % por la *Universala Esperanto Asocio*

## TRE MALNOVA KAJ GRAVA

*FIRMO de VINOJ, LIKVOROJ KAJ SPECIALAĴOJ*

en **DIĴONO** *Côte-d'Or (Francujo)*

**deziras agentojn**, seriozajn, agemajn, kun bonaj referencoj.

*Tre favoraj kondiĉoj*

Oni skribas Esperante. Sin turnu al Sro J. Moron, Delegito U. E. A., *Agencourt*, apud *Nuits* (Côte-d'Or, Francujo).

*La sola internacia signo estas :*

## la VERDA STELO " GASSE "

(8a jaro).
kun ore skribita vorto " ESPERANTO " (déposée-registrita).

**REKONIGILO ! PROPAGANDILO !**

Pingloj, broĉoj, kravataj pingletoj : 1 : Fr. **0 75**. 10 : Fr. **6.** — 100 : Fr. **45.** — afr. kaj rekom.
Ĉensignoj (kun duoblo faco) 1 : Fr. : **1 50**, 10 : Fr. **12.** — Afr. kaj rekon.
Konto kun Ĉekbanko.

Mendu ilin al via grupo, aŭ per simpla poŝtkarta mandato al Sinjoro Emilo Gasse, 55, rue Fred. Bellanger, Havro, Francujo, aŭ al subtenejoj : Belgujo : S-ro. O. Van Schoor, Vondelstr. Antverpeno. Britujo : Esp. Oficejo Liverpool. Germanujo : Moller et Borel, Berlin. Hispanujo : Manuel Fuentès Bidebarrieta, Bilbao. Rusujo : Moskva librejo Esperanto, Tverskaja 28. Moskvo.

## STENOGRAFIA GAZETO ESPERANTA

*(instruaj folioj de sistemo Aoro)*

enhavas metodan lernolibron de internacia stenografio aoro kaj multon da artikoloj skribitaj per tiu sistemo.

*Jara abono 30 Sd.* (3 int. respondkuponoj

Por abonintoj de **STUDENTO** (1 Sm.) senpage !

Oni mendu (aldonu 3 int. respond. kuponoj) ĉe administracio de **STUDENTO**. Praha II-516, Bohemujo. Rabato al grupoj !

## PARIS — EGLI'S HOTELO INTERNACIA

*11, rue Bachaumont (Bourse)*

Moderna, centre de Paris, proksime Louvre kaj Bulvardoj. 90 ĉambroj. Tre moderaj prezoj.
Svisa mastro.
Oni parolas Esperante.

3.000 membroj EN FREMDAJ LANDOJ — *Jara Kotizaĵo* 2 dolaroj (4 ₷)

Membroj havas la jenajn profitojn : Ricevi informojn el ĉiuj landoj. Konatiĝi antaŭ ol forveturi eksterlanden

**CHARTERED A.-D. - 1900**

**Sinjorinoj Sinjoroj** estas akceptataj por membreco. Prospektoj kontraŭ afrankpago (*senpage al la skeptikuloj*). Adresu leterojn kaj monon al **Sekretario de C. C. C.**

Korespondi en fremdaj lingvoj. Interŝanĝi revuojn, poŝtkartojn, poŝtmarkojn, fotografaĵojon, plantaĵojn insektojn, k. t. p.

## Milwauke, Wisconsin, U. S. A.

**Vojo por aliĝi.** — 1. Skribu vian nomon kaj adreson (legeble) kun unu aŭ pluraj referencoj. — 2. Skribu la lingvojn, kiujn vi komprenas. — 3 Konigu la temon pri kiu vi deziras korespondi. — 4. Sendu la kotizaĵon (4 ₷) per ĉeko aŭ poŝtmandato. Via nomo estos enskribata kaj vi ricevos ĉiujn paperojn kaj ekz. de *Globe Trotter* kun la plena listo de l'membroj.

## La PLEJ MULTEKOSTA JUVELO

en la negoca vivo de l'20a centjaro, **la Tempo**, ĉie estas ŝparata minutprecize per la
**" Kontrol-Tempstampilo "**
Ĝi stampas per unu premo : firmon, lokon, daton, horon, minuton ! Nur unu ciferplato !

**Nova !** Nenia risko, ĉar unujara *garantio !* La horloĝradaro iras *36 horojn !*

Prezo : 13 ₷ kontraŭ mon-antaŭsendo. Prospektoj senpage !




**Praktika !** Ĝi devus manki en nenia moderna komercejo aŭ kontoro ! Pezo : 175 gramoj.

Prezo : 13 ₷ kontraŭ mon-antaŭsendo. Prospektoj senpage !

## Fritz MAYERHAUSER

*Dissendejo de pratikaj novaĵoj*
BAD REICHENHALL (Germanujo)
(Esperantia entrepreno No 43.362.∞1)

## SENSACIA NOVAĴO



La 11-jara Esperantistino Manjo Mayerhaŭser

Alsendante vian fotografaĵon, vi ricevos, post kelkaj tagoj, en apuda grandeco

**VELOFOT-PORTRETOJN,**

la plej belajn, malmultekostajn, akrajn, daŭrajn fotografaĵojn, kiuj ekzistas.

PREZOJ :
20 fotografaĵoj . . . . . . . . . ₷ 50
50 » . . . . . . . . . » 1 »
100 » . . . . . . . . . » 1 75

*Konvenaj kadretoj po 2 1/2 Sd.*

La senditajn fotografaĵojn oni rericevas nedifektite !
Livero post sendo de la mono (enlande 10 Sd., eksterlande 20 Sd. plie por transsendo), aŭ per poŝta repago, aŭ per ĉekoj de la Esp. Ĉekbanko.

**FRITZ MAYERHAŬSER**
*BAD REICHENHALL (Germanujo)*
(Esperantia Entrepreno No 43,3626 ∞ 1)

**Tre konvenaj por alglui sur la membrokartojn de U. E. A.**

Atentu firmon kaj markon !

Kiam vi volas prizorgi vian sanecon, ĉiam evitu alkoholon kaj elektu kiel tablan kaj ekfreŝigantan trinkaĵon la

**Senalkoholaj Wormsaj Nektar-Vinoj**

*(vinber- kaj fruktmostoj)*

Literaturaĵon senpage kaj afrankite per
**NEKTAR WORMS a/Rh. No 248**



Tiu ĉi
**SVEDA RAZILO**
kostas
1 po 1.92 ₷
2 — 3.30
3 — 4.42 afrankite

*Vidu la antaŭajn anoncojn en la gazeto.*

**John BYHLINGER, HEDEMORA (Svedujo)**

## LINGVO INTERNACIA

*CENTRA ORGANO DE LA ESPERANTISTOJ*
eliranta inter la 15. kaj la 20. de ĉiu monato
**LA PLEJ MALNOVA EL ĈIUJ GAZETOJ ESPERANTISTAJ**
FONDITA EN 1895

**La plej enhavoriĉa !** — **48** paĝoj da dense presita teksto en plej korekta kaj plej klasika stilo.

**La plej malkara !** — **5** fr. (2 ₷) abonprezo por UNU JARO

## BAD-REICHENHALL en la germanaj Alpoj

## VILAO CONTINENTAL

Plej bela, kvieta kaj senpolva altaĵloko. Ĉirkaŭata per ombraj ĝardenoj. Belega vidaĵo al la montaro kaj urbo. 40 elegantaj meblitaj ĉambroj kun 60 litoj kaj 25 balkonoj. Banoj en ĉiu etaĝo. Elektra lumo. Bonegaj manĝaĵoj. Puraj vinoj. Granda bela manĝoĉambro.

POSEDANTO : **Schwartz.** TELEGRAMADRESO : **Continental**
*ONI PAROLAS ESPERANTE*

## Bad Reichenhall

La perlo de la germanaj alpoj, *mondfama salakvo-banloko, klimata kuracloko*. Plej grandaj pneŭmataj ĉambroj kaj inhalacejoj de la mondo. Jara vizitado : pli ol 35.000 personoj. Sezono : Majo-Oktobro. Kuracado de *malsanoj de la spirorganoj*, astmo, emfisemo, *kormalsanoj, virinsekso*, skrofolo, raĥito artrito, reŭmatismo, *resaniĝado. Riĉenhava amuzprogramo.* 250 kilometroj zorge bonstataj promenadvojoj en la tutan ĉarmegan ĉirkaŭaĵon. Gvidfoliojn oni bonvolu postuli de la Esperantista Grupo Bad Reichenhall.

## Por la Higieno de l'tualeto

(lavaĵoj, higieno de 'buŝo, la haŭto, lavado de suĉinfanoj, intima higieno)

Oni nepre rekomendas

COALTAR SAPONINE LEBEUF
BAYONNE (Francujo)

Kiun ĝiaj antisepcaj, deterŝivaj kaj cikatrigaj propraĵoj akceptigis ĉe la Parizaj Hospitaloj.

*En la apotekejoj — Atentu la imitaĵojn*

## AL LA KOLEKTISTOJ

Post kelkaj jaroj, *grandan valoron* havos la plena kolekto de la gazeto.

**ESPERANTO**

Do, rapidu mendi ĉi tiun plenan kolekton dum ĝi estas ankoraŭ havebla po malkara prezo.

*La tuta Kolekto* (75 noj), afrankite 4 ₷. Sin turni al la Administrejo (10, rue de la Bourse, Genève).

*Malnovaj n-oj antaŭ 1 Decembro 1908 ne estas izole aĉeteblaj.*

**Granda Marko**
**" Ville de Paris "**

## INKOJ MIETTE

*gluoj likvidaj, sigeloj*

**Jules MIETTE**
102, Rue Amelot, PARIS-XI

## PROPAGANDAJ FOTOGRAFAĴOJ

Ĉiuj Esperantistoj devas tuj mendi la novan eldonon de la poŝtkartoj kaj fotografaĵoj de la Esper. Gazetaro, eldonitan de la Esperantista Gruparo Berlina.

100 poŝtkartoj kostas . . . . 1.70 Sm.
10 fotografajoj (40 sur 30 cm) 3.75 —

Sin turni al S-ro SOSTMANN, Berlin, Nw. 87, Levetrowstr. 23.

**RASA & INDUSTRIA**
**BIRDEDUKEJO**
DE
**Aleksandr SĈERBAKOV**
*St. PUŜKINO, Sever, ĵ. d., Rusujo*

Havigas diversajn rasojn de Anseroj, Anasoj, Kokinoj kaj Kokoj, k. t. p.

Apartan prezaron por ovoj oni sendas laŭ la postulo.

Oni havas multajn rusajn kaj alilandajn medalojn por birdoj.

Oni korespondas esperante.

## HOTELO LOUIS-LE-GRAND

*2, rue Louis-Le-Grand, Paris.*

En belega loko, inter la Rue de la Paix kaj Avenue de l'Opéra. Moderaj Prezoj. Oni parolas en Esperanto. English Spoken. Man spricht Deutsch. Se habla Espanol.

MEDIZINISCHE LICHT- & HERZ- u. NERVEN- **Heilanstalt-Kuracejo** por lumkuracado por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj.

vormals : ROTES KREUZ — antaŭe : RUĜA KRUCO

*51 Luisenstrasse* **BERLIN NW. 6** *Telefono III, 3185*

**Sekcio por lumkuracado**

Elektra lumo kun elektrodoj de karbo, fero, hidrargo. Lumo de Roentgen. Radiado d'Arsonval kaj de Oudin kontraŭ artrito, reŭmatismo, neŭralgio, iŝialgio, furunkulozo, diabeto, k. t. p.

**Radiado kaj fotografado laŭ Roentgen**

**Sekcio por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj**

Esploroj per radioj de Roentgen kaj konstatado de l'agado de l'koro. Banoj kun karbacido kaj ŝprucbanoj kun pinburĝonoj. Elektraj banoj por la tuta korpo kaj por apartaj membroj. Vibromasaĝo k. t. p.

**La kuracado plene anstataŭas restadon en Bad Nauheim**

Prospekto laŭ deziro — **KURACADO AMBULANTE. ONI PAROLAS ESPERANTE.** — Du kuracistoj — Direktoro : **Dr. BREIGER**

**Interesega apero en la esperanta literaturo !**

*GRAVEGA POR LA KOMERCISTARO !*

## DUOBLA LIBROTENADO « MONDSISTEMO »

**de E. WUCHER**

Prezo : **1,25** Sm. neafrankita. Havebla de Bigalke & Mohwinkel, Schlechnitzstr. 6, *Bromberg* (German.).

**50 Jara sukceso!**

## OSIJEKA VIZAĜPOMADO KAJ OSIJEKA SALVATOR-SAPO

*forigas ŝprucmakulojn, kaj ĉian malpuraĵon de l'vizaĝo*

Malfalsa sole nur en la Salvator apoteko

SALVATOR-APOTHEKE · DIENES ESSEG · SCHUTZMARKE

## J.-C. DIENEŠ, OSIJEK (Essegg) (Kroatujo)



1 vazeto da osijeka vizaĝpomado kostas po 70 heleroj kaj po 1 Krono (1 Krono = 100 h. = 42 spesdekoj) ; 1 peco da Salvator-sapo 1 K. Unu vazeto da manŝmiraĵo 1 K. 20 h. Lyona pudro, malgranda skatolo 1 K. granda skatolo 2 K. Tiuj ĉi rimedoj ne havas domaĝajn konsistaĵojn kaj tutege respondas al la regularo de la alta registaro.

KIAL ESTAS UZOTA NUR

**" MIRANDA-KREMO " ?**

Ĉar *Miranda*-Kremo estas perfekte nedomaĝa, ĉar per « **Miranda-Kremo** » **oni atingas idealan belecon**, ĉar *Miranda*-Kremo forigas ĉian malpuraĵon de la haŭto, ĉar *Miranda*-Kremo ne nur **plibeligas**, sed ankaŭ **junigas**. Unu vazeto da « **Miranda** » **Kremo** kostas 1 K. Unu skatolo da « **Miranda-pudro** » (trikolora) 1 K. unu peco da « **Miranda** » **sapo** 70 h.

Ricevebla ĉe la produktanto **J.-C. DIENEŜ**, post Osijek, supera urbo, de kie mendoj per poŝtpaĝo tuj efektiviĝas

La korespondado kun la **Salvator-Apoteko**, de **J.-C. Dienes** estas ankaŭ en la lingvo **Esperanto** krom la lingvoj germana, angla, franca, itala, latina, kroata, serba, aliaj slavaj lingvoj kaj la magyara.

La korespondanto de firmo J.-C. Dienes estas Drag. Mirko Kaniĉar, Delegito U. E. A.

## Universala Esperantia Librejo

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Suisse)*

Vendas ĉiujn eldonaĵojn de U. E. A. kaj ĉiujn Esperantaĵojn (propagandiloj, lernolibroj, literaturajn kaj sciencajn, verkojn, k. t. p.).

**Oficialaj eldonaĵoj de U. E. A. :**
rekomendataj al ĉiuj Esperantianoj

*Oficiala Jarlibro* (Plenaj informoj pri U. E. A., ĝia organizo, ĝiaj servoj kaj la maniero ilin uzi, k. a. Plena listo de la Delegitoj, Vicdelegitoj, Subdelegitoj, Esp.-Oficejoj de U. E. A.). Necesega por ĉiuj membroj. Prezo : 0,30 Sm.

*Oficiala insigno* (verda stelo kun blanka rando, rezervita por Esperantianoj). Prezo : 0,36 Sm.

*Oficiala Marko* (gluota sur la korespondaĵoj de la Esperantianoj) 1 sd. por ekzempl. (minimumo 10 ekz). Por Esp.-Oficejoj rabato da 15 % por ĉiu mendo de pli ol 100 ekz.

*Oficiala leterpapero* (por Delegitoj, Subdelegitoj kaj membroj) 100 folioj : 0,75 Sm.

*Oficialaj kovertoj*. Prezo, 100 ekz : 0,60 Sm.

*Oficialaj poŝtkartoj*. Prezo, 100 ekz. : 0,75 Sm.

*Gvidfolioj de U. E. A.* (Rekomendataj al ĉiuj vojaĝantaj Esperantianoj). Senpage riceveblaj kontraŭ marko aŭ kupono da 0,10 Sm. Kolekto po ₷ 0.25.

*Universala Esperanto-Asocio*, ĝia celo, ĝia organizo, ĝiaj praktikaj servoj, ĝia signifo. Propaganda broŝureto. Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm.

*Oficiala Bulteno* (senpaga por Delegitoj, Subdelegitoj kaj Konsuloj).

*Universala Esperanto-Asocio.* Enkonduko, celo, organizo, praktikaj servoj, socia, signifo, konsiloj, al la interesatoj, k. t. p. Tiu bonega propaganda broŝuro, kiu klare konigas U. E. A. al la neesperantista publiko, estas nepre rekomendata al ĉiuj niaj propagandistoj.

Ekzistas ĝis nun eldonoj en lingvoj *franca, germana, hispana, rusa* kaj *itala*. Eldonoj angla, kaj portugala estas en preparo. Resumoj en lingvoj *dana* kaj *holanda*.
Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm.

AVIZOJ : Ĉiuj mendoj estu sendataj al **Universala Esperantia Librejo**, 10, rue de la Bourse, *Genève* (Svisujo).

Kalkulo estas malfermata nur al Delegitoj. Ĉiuj aliaj personoj devas aŭ mendi per sia loka Delegito, aŭ kunsendi la monon samtempe kun la mendo. Personoj, kiuj deziras rekomendigi sian mendaĵon, aldonu 0,10 Sm.

**ĴUS APERIS** LA **IVa Eldono de la Jarlibro de U. E. A.**

PRESEJAJ LITEROJ MAYEUR — **PARIS**

## ALLAINGUILLAUME, J. SALING & Cie

GRAVUR-FONDISTOJ — POSTEULOJ

**21, RUE DU MONTPARNASSE**

ĈIUSPECAJ LITEROJ KAJ VINIETOJ

Specialaĵo de SUPERLITERAJ SIGNOJ

Liverantoj de ĉiuj Esperantaj literoj kaj supersignoj uzataj ĉe la presejo de U. E. A. por la kompostado de Esperanto kaj ĉiuj Esperantaj presaĵoj.

| ROMANA | TIPOJ DIDOT | ITALIKA |
| --- | --- | --- |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 7 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 8 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 9 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 10 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |

₷ ₷ ₷ ₷ ₷ ₷ ₷ ₷ ₷ ₷ ₷ ₷

EGIPTA KORPO 8 No 406
ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ ◆ Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ

**GVIDFOLIOJ DE U. E. A.**
**25 Sd.**
**Mendu Kolekton de**